VII^a^ jaro. N° 108 ★ KONGRESA NUMERO ★ 20 Septembro 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**
Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1^a^ de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**
Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# LA ORGANIZO DE LA ESPERANTISTARO KAJ U. E. A.

## Parolado de S-ro H. Hodler
## ĉe la malferma kunveno de la Dua Kongreso de U. E. A.

Karaj Samideanoj,

Jam forpasis tri jaroj de la tempo, kiam ni por la unua fojo kuraĝis kunvoki en Dresdeno la ankoraŭ tre malmultajn kaj malfervorajn Esperantianojn, ĉe modesta ĉambro, kiun ni sukcesis havigi al ni ne sen klopodoj kaj emocioj — mi tion povas konfesi al vi hodiaŭ. Nuntempe, kiam ni havas la privilegion disponi belan kunvenejon kaj kunsidi en nia propra Kongreso, eĉ en nia dua Kongreso, nuntempe, kiam nia Asocio estas pli multe disvastigata, pli bone organizata, pli favore konsiderata — ĉu vi ne trovas, ke venis la momento por fari la bilancon de nia ĝisnuna agado, kompari tion kio estas farita kun kio estis promesita, vidi kiel staras nun nia Asocio ne nur rilate al si mem, sed rilate al la ĝenerala Esperanto-movado. Aliparte la faktoj okazintaj dum la jus finita Kongreso de Esperanto devigas nin doni al ĉiuj niaj membroj necesan klarigon pri nia lastatempa agado tiom pli ke fari tion en bonaj kondiĉoj ni ĝis nun ne povis.

Je la momento kiam ni iniciatis la fondon de U. E. A., nia movado estis en plena krizo. En nia tendaro regis konfuzo, necerteco kaj eklaciĝo. El diversaj flankoj aŭdiĝis eĥoj de koleraj voĉoj, de reciprokaj akuzoj kaj atakoj ; nia lingvo, kiu estis nia sola ligilo de unueco, estis minacata en sia vivo mem per trompallogaj teorioj ; komencis la krepusko de kelkaj idoloj. Ni opiniis, ke la facileco kun kiu povis esti endanĝerigata nia afero havis kaŭzojn pli profundajn, ol la intrigoj de tia aŭ alia persono, aŭ pure gramatikaj demandoj. Ĝi kuŝis ĉefe en la manko de uzado de nia lingvo, en ĝia ne sufiĉe profunda enradikiĝo ĉe la popolo Esperantista. Dum multaj jaroj la Esperantistoj propagandis sian lingvon, donis sian tutan atenton al ĉiuj institucioj, kiuj celis ĝian disvastiĝon, sed ili fakte tre malmulte zorgis pri ĝia uzado, ĝia vivigo ; ne posedante simplan kaj internacian organizon, sed multe da malfortaj kaj disigitaj organismoj, ili agis ofte sen plano kaj sen metodo. Tamen la vivado en tiuj organizajoj, la plifortigo, kiun al nia lingvo alportis la internaciaj kongresoj, la diversaj materiaj interesoj, kiujn kreis kelkaj jaroj de Esperantista agado kaj — ni ne forgesu ĝin — la amo mem al Esperanto kaj ĝia interna ideo, estis kreintaj, je la epoko pri kiu ni parolas, sufiĉe fortan fundamenton por ke ni povu rezisti al la danĝero de disiĝo, ne sen kelka ĥaoso. Sed ĉiu krizo, eĉ venkita, alportas siajn instruojn. Precipe el ĉi tiuj naskiĝis U. E. A. La unua estis, ke nia lingvo estis ne sufiĉe uzata : oni ĝin konsideris pli kiel projekton prezentotan al la mondo ol kiel lingvon vivantan kaj havantan per si mem propran utilon. La dua instruo estis, ke por uzi ĝin kaj ĝin disvastigi, estis necese kunigi en unu internacia fasko ĉiujn ĝis nun disigitajn elementojn, krei inter ili praktikan servaron, starigi, flanke de la ekzistanta lingva unueco, la organizan unuecon. Tia estis nia intenco, kiam ni fondis U. E. A.

Oni tamen erarus, se oni kredus, ke ni mem havis la intencon fari tian organizon. Kontraŭe, ni tiam nin turnis al la personoj, kiuj estris la ĉefajn internaciajn instituciojn de la Esperantistoj, ĉar ni tiam esperis, ke tiu ideo povos esti realigata de ili pli bone ol de ni, seninfluaj personoj. Sed ne nur oni ne akceptis nian ideon, sed eĉ diris, ke ĝi estas nerealigebla. Pasante, oni permesu al mi konstati, ke la personoj, kiuj pri internacia organizo de la Esperantistoj diris, ke ĝi estas neefektivigebla, estas ĝuste la samaj, kiuj provas nun starigi tian organizon, ne dirante ĝin, kaj konsideras nian laboradon kiel pli-malpli flankan aferon, dum fakte ili simple penas refari tion, kio jam estas farita.

Ĉar la personoj, al kiuj ni turnis nin, ne respondis nian alvokon, ĉar aliparte ni konsciis pri la neceseco de tia organizaĵo, ni decidis, laŭ la konsilo de nia majstro, krei per vojo privata tion, kion ni oficiale ne povis fari, kaj limigi nian agadon al pure praktikaj peresperantaj demandoj.

Ĝis kia grado ni sukcesis, ne apartenas al ni respondi kaj, cetere, la tempo estas tro mallonga por ke ni povu eltiri precizajn konkludojn. En la daŭro de la lastaj tri jaroj ni sukcesis unuigi la plej grandan parton de la aktiva Esperantistaro kaj ĝin organizi en maniero, kiu, se ĝi ne estas perfekta, almenaŭ pruvis sin taŭga por niaj bezonoj; ni starigis servaron, kiu jam ofte utilis kaj estas nun uzata de kreskanta nombro de samideanoj, el kiuj multaj, antaŭe absolute indiferentaj pri nia agado, fariĝis fervoraj, ĉar ili per la fakto mem taksis ĝian valoron kaj necesecon.

Se vi sekvis la resuman historion, pri kiu mi raportis al vi, vi do konstatos, ke nia primitiva intenco estis organizi la tutan Esperantistaron, tute egale ĉu por peresperanta aŭ poresperanta agado, kaj se U. E. A. sin limigis al pure peresperantaj aferoj, tio estas simple por ne konkurenci kaj ne sin enmiksi en instituciojn, kiuj ne volis labori kun ĝi. Sed tiun staton ni konsideris kiel provizoran, tiom pli ke trijara sperto montris al ni la neeblecon nete diferencigi la peresperantan kaj la poresperantan agadon.

Aliparte la pligraviĝo de la Esperanto-movado montris, ke ankaŭ pri poresperantaj aferoj, internacia organizaĵo de la Esperantistoj estas utila en certaj okazoj. Embrio de tia organizaĵo ekzistas en la formo de la konstanta komitato de la Kongresoj, de la Lingva Komitato kaj Akademio kaj de la Internacia Financa Konsilantaro. Sed tiuj diversaj institucioj ne estas ankoraŭ firme ligitaj unuj kun la aliaj, iliaj financaj rimedoj ne estas fiksitaj en konstanta maniero. Stariĝis do la demando, ĉu ne estus dezirinde internacie organizi la Esperantistajn instituciojn, tiel ke estu en nia tuta movado pli da ordo, pli da reguleco, pli da harmonio.

Sed ĝuste tie intervenas U. E. A. Internacia organizaĵo jam ekzistas en la formo de nia Asocio, nun sufiĉe forte starigita kaj kalkulanta 8.000 membrojn, t. e., la plej aktiva parto de la Esperantistaro. Ĉu nia ankoraŭ modesta Esperanto-movado estas sufiĉe forta por havi *du* internaciajn organizaĵojn, unu peresperantan, unu poresperantan? Ĉu la celoj de la du organizaĵoj estas tiel malsamaj, ke oni povas por ilia atingo starigi du malsamajn memstarajn organizaĵojn?

Se oni kreas novan internacian organizaĵon, en kiu ajn formo — kaj ĉi tiu organizaĵo nun fakte ekzistas — estas nedubeble, ke ĝi unuflanke estas malhelpo por U. E. A. kaj aliflanke U. E. A. estos per la faktoj mem malhelpo por ĝi. Tiu organizaĵo bezonos la monon, la laboron, la simpation ĝuste de tiu sama publiko, al kiu sin jam turnas U. E. A. Sekve, vole-nevole rezultos el tiu situacio *konkurenco* inter la du organizaĵoj, eĉ se la direktantoj de ambaŭ havus varman deziron amike interrilati. Mi opinias, ke en la nuna stato de nia movado, konkurenco estas malpli necesa ol harmonia kunlaborado kaj unueco. El la praktika vidpunkto, rezultos el la dueco de internaciaj organizaĵoj nedubeblaj *malŝparoj*, kiujn oni ĝuste celas eviti. Inter ili oni povas citi la duecon de oficiala jarlibro, la duecon de oficiala gazeto, la duecon de kongresoj, la duecon de kotizaĵoj. Ĉu nia Esperantista rondo estas sufiĉe forta, sufiĉe multenombra, sufiĉe riĉa je iniciataj laborantoj, por elporti tiun konkurencon, ĝuste en la momento, kiam ekzistas jam tro da samcelaj entreprenoj? Ĉu anstataŭ du organizaĵoj sin reciproke konkurantaj kaj malhelpantaj, vi ne opinias pli simple havi nur unu solan organizaĵon?

Al la personoj, kiuj argumentas, ke oni povas tute nete diferencigi la per- kaj la poresperantan movadon, ni rimarkigas, ke la praktiko montris la neeblecon de tia neta diferenciĝo. Efektive, multaj poresperantaj organizaĵoj sin okupas pri peresperantaj aferoj, kiel eldono de gvidfolioj, aranĝo de ekskursoj, klopodo ĉe komercistoj. Reciproke, peresperantaj organizaĵoj vole-nevole agas por Esperanto. La peresperanta kaj poresperanta agadoj estas tiel intime kunligataj, ke krei por ĉiu el ili internacian organizaĵon estus senĉesa fonto de konfliktoj pri kompetenteco, de malcerteco kaj malordo.

Sekve de tiuj konsideroj, la Komitato de nia Asocio opiniis, ke por la bono de nia tuta afero, plej dezirinda estas la starigo de unu sola internacia organizaĵo. Ĝi opiniis, ke en la nunaj cirkonstancoj estas ĝia devo meti siajn spertojn kaj sian jam elprovitan organizon al la dispono de la tuta Esperantistaro. Kunveninte en la komenco de la Sepa Esperanto-Kongreso, ĝi ellaboris kaj unuanime akceptis projekton pri unika internacia organizaĵo, en kiu ĉiuj ĝisnunaj organismoj estas konservataj, sed interligataj tiamaniere, ke ekzistu inter ili ebleco de vera kunlaborado.

Plie por montri ankoraŭ pli grandan konkordemon kaj eviti la kulpigon ke U. E. A. volas ensorbi la aliajn organizaĵojn, ni proponis' sub la rezervo de laŭstatuta aprobo, ke U. E. A. estu nuligata kaj el ĉiuj ekzistantaj organizaĵoj estu formata unu organizaĵo, al kiu grandparte aplikiĝus la organizaj reguloj de U. E. A., pri kiuj la sperto montris, ke ili estas bonaj.

Nia projekto, pri kiu niaj membroj povos juĝi post ĝia baldaŭa publikigo, povis esti bona aŭ nebona, sed ĝi meritis almenaŭ ekzamenon kaj diskutadon, tiom pli ke ĝin prezentis ne unu privata persono, sed Komitato. Pri la maniero en kiu oni agis kun la demando pri internacia organizo kaj kun nia projekto, mi ne volas paroli ĉi tie. Estu nur permesate al mi simple *konstati*, ke la demando pri internacia organizo de la Esperantistoj neniam estis klare prezentata, ke antaŭ ol decidi, ĉu tia organizo estas dezirinda oni fakte faris ĝin (la fakto ke oni voĉdonis kotizaĵon pruvas ĝin), ke ni neniam sukcesis klare scii, ĉu oni volas nur organizon de la propagandaj organizaĵoj aŭ organizon de la tuta Esperantistaro, ĉar estas klare, ke en la dua okazo pri la formo de tia organizo povas decidi nur reprezentantoj egalparte elektitaj de la propagandaj kaj fakaj organizaĵoj. Resume, ni povas nur bedaŭri, ke niaj konkordemaj deziroj ne estis pli klare respondataj. Ĉiaokaze ni ĉiuj havas la senton, ke ni faris nian tutan devon, proponante niajn servojn al la Esperantistaro por la starigo de regula internacia organizaĵo. Ni esperas, ke tiaj okazintaĵoj ne havos malbonajn konsekvencojn por nia tuta movado kaj ni faros ĉion eblan por tio, sed se iam okazos konkurenco kaj ĝiaj sekvoj, ne ni havos tiun respondecon, ĉar ni mem faris la unuajn paŝojn por ĝin eviti.

Ni konservas fidon en la saĝo de niaj samideanoj, kaj de la Esperantistaro ne informita ni apelacias al la Esperantistaro pli bone informita.

Mi petas vian pardonon, ke iom longe mi traktis tiun demandon, sed ni ŝuldis al vi tiun klarigon, por ke vi ne malkomprenu niajn intencojn dum la lastaj tagoj.

Ĝis alia ŝanĝo intervenos en la supre klarigita situacio, nia devo estas klara : ni daŭrigu nian ĝisnunan laboron, kun tiom pli da energio kaj persisto. Sed la estonteco de nia tasko dependas ne de ni sole, kiuj estas la plenumantoj de viaj deziroj, sed de ĉiuj niaj kunlaborantoj, de ĉiuj niaj membroj. De la unuaj kiel de la aliaj ni bezonas efektivan, konstantan helpadon, aktivan kaj iniciatan kunlaboradon. Ju pli ni iras antaŭen, despli konvinkitaj ni estas, ke la sorto de Esperantismo estas ligata kun la sorto de U. E. A. Do de via unueco, de via fervoreco, de via laborado dependas grandparte la estonteco de nia afero. En kia formo vi povos nin helpi, tion diros al vi la venontaj kongrestagoj, de kies laboroj dependas la agado de nia Asocio dum la venonta jaro. Ili helpu plibonigi niajn agadrimedojn, pligrandigi nian organizon, komprenigi ĉiam pli bone al niaj membroj kaj al la Esperantista publiko la celadon kaj la necesecon de Esperantio. Ili precipe helpu al la plifortigo de la solidareco inter Esperantianoj, necesa bazo por ĉiu plua progreso.

H. HODLER.

# Liberaj Vortoj

## Post la Sepa !

Niaj legantoj trovos en tiu Nº pli- malpli detalan raporton de la laboroj plenumitaj de la Sepa, speciale koncerne la demando pri internacia organizo de la Esperantistaro. La supraj linioj konigas, kia, rilate al tiu grava demando, estis la sintenado de U. E. A., kion ni dum tiu kongreso faris aŭ pli ĝuste provis fari, en la intereso de nia movado.

En venontaj artikoloj ni denove klarigos nian opinion pri tio ; ni precipe publikigos la projekton de U. E. A. kaj montros, kial la dueco de internaciaj organizajoj, en la nuna stato de nia movado, estas ne nur nedezirinda, sed eĉ danĝera. Ni tion faros tiom pli volonte, ke dum la Sepa ne estis al ni eble publike defendi nian projekton — pro la direkto trudita al la debatoj.

Mi ne volas aŭdigi plendojn kaj komenci polemikojn — tio ne estas nia kutimo — sed mi havas la devon konstati, ke :

1-e. Malgraŭ nia penado, la demando pri internacia organizo de la Esperantistoj neniam povis esti klare diskutata kaj regule esplorata en plena maniero. La diskutado estis abortigata.

2-e. Eĉ ne sciante, ĉu la *kongresaj* rajtigitaj delegitoj aprobas aŭ ne aprobas la principon de tia internacia organizo, oni fakte faris tiun organizon aŭ almenaŭ kreis ĝian fundamenton, aldonigante al simpla regularo de *dumkongresa* rajtigita delegitaro la vorton kotizajo (kiu en si mem nepre entenas la ideon pri organizajo). Tiamaniere la rajtigitaj delegitoj fakte starigis internacian organizajon, antaŭ ol scii, ĉu ili volas ĝin kaj kiel ili ĝin volas... Komparu tion kun la situacio de Konstituantaro, kiu voĉdonus la regularon de Parlamento kaj la impostojn antaŭ ol scii, ĉu oni starigos respublikon aŭ monarkion !

3-e Neniu povis respondi al ni, ĉu oni volas fari internacian organizajon de la *propagandaj* organizajoj aŭ de la *tuta Esperantistaro* (t. e. peresperantaj kaj poresperantaj institucioj). La konsisto de la komisiono, elektita en maniero pri kiu mi ne volas insisti..., ŝajnas montri la unuan vojon, kvankam postaj faroj ŝajnis montri la duan. Fakte, kiel montris S-ro Privat en nia antaŭa Nº, ekzistas konfuzo pri la signifo de l'vorto « oficiala ». Certaj personoj kutimiĝis konsideri « oficialaj » nur la instituciojn, kiuj celas la propagandon de Esperanto, dum ili konsideras « privataj » aferoj — se ne duaflankaj en ilia penso — la instituciojn, kiuj, kiel U. E. A, celas la uzadon de Esperanto. Se oni deziras atingi, ke nia tuta movado estu internacie organizata, estas necese, *egale* konsideri la peresperantajn kaj poresperantajn organizajojn kaj, se ni volas internacie organizi la Esperantistaron, trakti ilin kiel *du* potencojn egale internaciajn kaj gravajn. Estas mirige, ke en la demando pri internacia organizo de la Esperantistoj iuj flanke metas U. E. A., sub la pretekstо ke ĝi ne estas « oficiala ». Nu, konvenas ĝin ripeti, U. E. A. estas tiel « oficiala » aŭ « neoficiala » kiel la institucioj, kiuj celas la propagandon de la lingvo. Ni ĉesu jongli kun tiu vorto « oficiala », kiu signifas nenion, kaj povas nur erarigi ne informitajn personojn.

4-e. La diskutoj de la rajtigitaj delegitoj estis tro ofte konfuzaj kaj neregulaj. Ĉe la eliro, ni ofte aŭdis personojn, kiuj ne ĝuste sciis por kio oni ilin voĉdonigis. Ŝajnas al mi, ke tiu imito de parlamento — kun ne informitaj personoj kaj ne klare prezentitaj temoj — ne liveris speciale bonajn rezultatojn.

La Sepa povus esti havinta grandan signifon por nia movado. Sed, ĉar la ĉefa demando, kiu ĝin koncernis, ne estis klare kaj sincere diskutata, ĝi iris vojon, kiu povas nin konduki pli proksime al la malordo ol la ordo. Feliĉe, flanke de la Kongreso ekzistas la Esperantistaro, kiu deziras scii kaj juĝi post pripensado ; tiu Esperantistaro volas antaŭ ĉio ordon, klarecon kaj sincerecon ; ĝi ne akceptos, ke oni trudu al ĝi hibridan organizon, antaŭ ol ĝi estos ekzameninta la demandon sub ĉiuj ĝiaj aspektoj. Tion ĝi faros dum tiu jaro.

H. H.

# LA SEPA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Jam de sabato la multnombraj kongresanoj, el kiuj granda parto estis alkondukita per la karavanoj de U. E. A. plenigis la grandan korton de la Reĝa Ateneo, kie estis la Akceptejo, ho ve ! iom tro malvasta por tia informavida amaso, kia estas la Kongresanaro.

Oni sciiĝas nin, ke la nombro de la kongresanoj superas 1.750, t. e. la plej alta cifero ĝis nun atingita el ĉiuj kongresoj. La Sepanoj faras sian eblon por doni informojn, havigi loĝejojn, sed ili videble estas ne sufiĉe multaj. Feliĉe, la publiko Esperantista, rapide malkontenta, kun la sama rapideco refariĝas kontenta, kaj certa pri loĝejo pensas nur pri la ĝojoj, kiuj lin atendas. Niaj legantoj, en tia resuma raporto, ne atendu trovi ĉi tie detalojn pri ĉiuj multnombraj manifestadoj de tiu Kongreso, kiujn kolekti en tiel mallonga tempo estis al ni neeble. Ili konsideru la subajn informojn simple kiel notojn, kiujn ni evidente estas pretaj kompletigi en la venontaj N-oj kun la kunlaborado de la kongresintoj.

## La diservoj

Dimanĉon la 20an Abato Richardson kun granda sukceso predikis ĉe la Katolika ĉefpreĝejo, dum en la germana preĝejo protestanta pastro admonis siajn samreligianojn.

Tiel same dimanĉon la 27an okazis nova katolika Diservo en la Katedralo kaj Diservo en la anglikana preĝejo.

Ĉiuj tiuj diservoj estis vizitataj de multaj kongresanoj, komprenеble nesole samreligiaj.

## La malferma kunveno kaj la parolado de D-ro Zamenhof

La solena malferma kunsido okazis je la 3-a lundon 21, en la festhalo de la Zoologia Ĝardeno, kiu malsupre kaj sur la supraj galerioj estas superplena ; estis proksimume 1.500 personoj tie ; neniu kongreso en Antverpeno, oni diris al ni, atingis tian nombron de membroj. Sur la estrado sidis D-ro Zamenhof, ĉirkaŭita de S-ro De Vos, urbestro, Van der Biest, prez. de la Sepa, D-ro Yemans, vicprez. de la Sesa, Kapitano Perogordo, G-lo Sébert, S-ro Van Schoor, D-ro Willem, Van der Biest, S-ro Ritschie, F-ino Posenaer, S-ro Schoofs kaj L-to Dupont, de la Organiza Komitato, krom la multnombraj naciaj delegitoj, jus elektitaj en la kunvenoj po nacio.

Post kiam la longa aklamado, kiu salutas D-ron Zamenhof, estis finita, D-ro Yemans malfermas la kunsidon kaj proponas la jenan estraron, kiu estas akceptata :

Prezidanto : S-ro Van der Biest ; Vicprezidantoj : S-roj Van Schoor, L. Delvaux ; Sekretarioj : S-ro G. Chavet, D-ro Van der Biest.

S-ro Van der Biest, dankinte pro la honoro al li farita, deziras koran bonvenon al la Kongresanoj kaj esperas, ke la Sepa alportos al nia movado fortan antaŭenpuŝon, konvinkos la skeptikulojn kaj konfuzos la kontraŭulojn. S-ro De Vos, urbestro, parolas flandre kaj deklaras sin feliĉa, ke li

havas la okazon ne nur doni la moralan subtenon de sia ofico al la kongreso, sed ankaŭ alporti la esprimon de sia admiro al nia tuta movado. Li konstatas, ke Esperanto estas antaŭ ĉio perilo por kunfratiĝo inter la popoloj, kaj ĝojas, ĉar li povas gratuli la laborantojn por tiu bela idealo.

Poste stariĝis D-ro Zamenhof, meze de senfina aklamado, kaj legas sian — nelongan — paroladon.

Espriminte sian dankon al la reĝo Alberto, kiu akceptis la honoran protektantecon de la Kongreso, kaj al la kongre-organizintoj, li dediĉas emociajn rememorojn al la laboroj de la elpensinto de Volapük :

La prelato Johann Martin Schleyer, kies nomon ĉiu el vi konas tre bone, la aŭtoro de Volapük, antaŭ ne longe festis la 80-jaran datrevenon de sia naskiĝo, kaj estus nepardoninde, se ni ne uzus la okazon de nia nuna ĝenerala kuneestado por esprimi al li tiujn sentojn, kiujn ni ĉiuj havas por li. Li estas la vera patro de la tuta internacilingva movado. Antaŭ li oni ankaŭ revis pri lingvo internacia, oni provis labori por ĝi : sed tio estis nur teoriaj skizoj, palaj, senkorpaj fantomoj en la regiono de revoj. Li estis la unua, kiu diris al si : por lingvo internacia mi volas ne revi, sed *labori* ; dum ĉio ĉirkaŭe dormis, li estis la unua, kiu praktike kreis la internacilingvan *movadon*. Volapük ne estis venkita de Esperanto, kiel multaj personoj pensas tute erare ; ĝi pereis *per si mem* en tiu tempo, kiam la trankvile kaj senartifike laboranta Esperanto estis ankoraŭ tro malforta, por iun venki ; ĝi pereis ne pro sia stranga sonado aŭ pro aliaj similaj kaŭzoj, ĉar al ĉio oni povas alkutimiĝi kaj kio hieraŭ ŝajnis sovaĝa, tio morgaŭ aperas kiel io tute natura kaj bela ; per longa kaj multespeca uzado eĉ la plej sovaĝa idiomo de la plej barbara gento iom post iom fariĝas riĉa, eleganta kaj oportuna lingvo.

Volapük pereis ĉefe pro *unu* grava eraro, kiun ĝi bedaŭrinde enhavis : *absoluta manko de natura evoluipovo* ; kun ĉiu nova vorto aŭ formo la lingvo devis konstante dependi de la decidoj de unu persono aŭ de facile inter si malpaconta personaro. Kiel sur bastono plantita en teron, novaj branĉoj kaj folioj ne povis nature kreski sur ĝi, sed devis esti konstante skulptataj kaj algluataj. Se ne ekzistus *tiu* eraro, kiun korekti oni bedaŭrinde ne povis, Volapük neniam pereus kaj ni ĉiuj nun verŝajne parolus volapüke. Sed tiu bedaŭrinda eraro, kiun kaŭzis ne manko de talento kaj de laboremeco, sed nur tro rapida publikigo de la lingvo, sen sufiĉe matura elprovado, — tiu eraro, kiu pereigis Volapükon, neniel malgrandigas la meritojn de ĝia aŭtoro, kiu la unua potence skuis la mondon por nia ideo ; la grandaj meritoj de Schleyer en la internacilingva historio neniam malaperos.

Mi proponas al vi, ke okaze de la festo de Schleyer ni telegrafe sendu al li en la nomo de la tuta esperantistaro nian koran gratulon, nian dankon por lia granda laboro kaj nian deziron, ke li vivu ankoraŭ longe kaj havu la konscion, ke la fruktoj de lia laboro neniam pereos.

Karaj amikoj ! Mi staras hodiaŭ antaŭ vi ne esperinte. Ĉar dum la lasta tempo la stato de mia sano estis tro malbona, mi decidis ne veturi al la kongreso en ĉi tiu jaro. Tamen en la lasta momento mi devis ŝanĝi mian decidon, ĉar mi rimarkis, ke la projekto, kiun mi prezentis por diskutado dum la sepa kongreso, ne de ĉiuj estas ĝuste komprenita kaj eble bezonos klarigojn de mia flanko. Tial ne miru, ke mi ne prepariĝis paroli antaŭ vi pri ia speciala temo, sed mi tuŝos nur per nemultaj vortoj tiun demandon, kies pridiskutadon dum la kongreso mi proponis al vi. Mi ne antaŭvenos vian decidon por aŭ kontraŭ la diskutota projekto, mi volas nur diri kelkajn ĝeneralajn vortojn, por instigi vin bone kaj senpartie prepariĝi por la venontaj diskutoj.

Ekzistas en nia afero demandoj, kiuj povas esti solvataj ne de iu aparta persono, ne de iu aparta nacia asocio, ne de iu aparta institucio, sed nur de la tuta esperantistaro ; ekzemple la demandoj pri nia Lingva Komitato, Konstanta Kongresa Komitato, ktp. Se iu volas fari simple konsilajn proponojn pri la interna agado de tiuj institucioj, li povas prezenti siajn proponojn al la estroj de la diritaj institucioj ; sed se oni faras plendojn, se oni postulas reorganizon, anstataŭigon aŭ eĉ forigon de tiuj institucioj, — tiam al kiu oni devas sin turni ? Aŭ se aperas iaj demandoj, kiuj koncernas la tutan esperantistaron, sed apartenas nek al la Lingva Komitato, nek al la Komitato de la Kongresoj, — tiam kiu havas la rajton ilin solvi ? En sia privata esperantista vivo ĉiu persono aŭ grupo aŭ asocio estas kompreneble tute liberaj kaj povas agi, kiel ili volas kaj povoscias; sed pri ĉiuj demandoj, duboj aŭ entreprenoj, kiuj koncernas la *tutan* esperantan aferon, estas nepre necese, ke ni havu la eblon ĉiam scii la veran opinion aŭ deziron de la tuta esperantistaro. Esperanto ne estas ankoraŭ en tia feliĉa stato, ke ĉiu povu nur tiri el ĝi profiton, ne zorgante pri la bonstato de la afero mem : ni devas kaj dum longa tempo ankoraŭ devos propagandi ĝin, kreskigi ĝin, defendi ĝin kontraŭ malamikoj ; sed se ni ne havas la eblon regule interkonsiliĝadi, aŭ se niaj interkonsiliĝoj, farataj ne en orda parlamenta maniero, ne havos moralan valoron por la esperantistoj, ni similos organismon sen kapo kaj sen manoj, ni nenion povos entrepreni, ni staros senmove kaj malpacos inter ni mem.

Mi ne volas en la nuna momento defendi la projekton, pri kiu vi en la plej proksimaj tagoj diskutos ; tre povas esti, ke la projekto havas gravajn erarojn, kiujn via pridiskutado forigos ; tre povas esti, ke la tuta projekto montriĝos neakceptinda, kaj tiam — vi scias tion tre bone — mi ne penos altrudi ĝin al vi, kiel mi neniam ion al vi altrudis. Nur pri unu afero mi kore vin petas : kion ajn vi decidos, ni ne fermu nian kongreson antaŭ ol ni en tia aŭ ilia formo faros ian aranĝon, kiu donos al ni la eblon almenaŭ unu fojon en jaro solvi ĉiujn kolektiĝintajn disputojn aŭ dubojn en lojala interkonsento kaj konforme al la vera deziro de la tuta esperantistaro.

La aranĝo de regula kaj rajtigita kongresa voĉdonado, kiun mi proponis al vi, aŭ ia ilia simila aranĝo, kiu eble rezultos el via diskutado, ne estos ia nova institucio kaj per si mem ne ŝanĝos la iradon de nia afero ; sed ĝi donos al ni la forton de ordo kaj de solidareco. La institucioj, kiujn ni kreis, aŭ eble ankoraŭ kreos, ĉesos havi la karakteron de ia privataĵo, kiun neniu subtenas kaj multaj atakas. Ili havos rajton diri al la esperantistaro : se ni estas bonaj, respektu nin kaj subtenu nin ; se ni estas malbonaj, reorganizu nin aŭ forigu nin. Ĉiu esperantisto scios, al kiu plej alta instanco li devas sin turni, se tio aŭ alia en la komun-esperantistaj aferoj ne plaĉas al li, kaj oni ĉesos konstante sin turnadi al mi, kiu hodiaŭ vivas kaj morgaŭ povas ne vivi, kaj kiu cetere havas nek rajton nek deziron solvi ĉiujn disputojn propradecide.

Ni komencu nian feston kaj ankaŭ niajn laborojn, al kiuj ni dediĉu nian plenan atenton kaj senpartiecon. Se el niaj laboroj rezultos la enkonduko de preciza ordo en nian aferon, tiam la kongreso Antverpena estos unu el la plej gravaj inter niaj kongresoj. Tion ni esperu. Ĉiu el ni havu la firman decidon helpi per ĉiuj fortoj al la enkonduko de ordo kaj forigo de ĉiu malpaco en nia afero. Kun tiu firma kaj solena decido en la koro ni kriu : vivu, kresku kaj floru nia afero !

S-ro Chavet, ĝenerala sekretario, legas multajn salut-telegramojn, inter aliaj de la Urbestro de Londono kaj de la 2-a Esperantista Katolika Kongreso en Hago.

Poste havis la parolvicon la delegitoj de ĉiuj landoj kaj lingvoj, certe kvindeko, kiuj ĉiuj diris pli-malpli longan parolon.

Jen la listo de la landoj, kiuj sendis oficialajn delegitojn al la kongreso : *Belgujo :* S-ro Gœmans, ĝenerala inspektoro de la mezgrada instruado ; *Usono* : S-roj H. M, Cain kaj Yemans (milita ministrejo) ; E. Reed (komerca ministrejo) ; E. M. Kelvy (Oficejo de Peziloj kaj Mezuriloj) ; Rudy (Norda Karolino) ; J. D. Hailman (Pensilvanio) ; *Ĥinujo :* S-ro Kouei-Ping-Young, sekretario de ĥina ambasadorejo en Bruselo ; *Norvegujo :* S-ro E. Schribbye ; *Rusujo* : S-ro A. Nedoŝivin ; *Guatemalo* : S-ro J. Marsily ; *Ĉilujo* : D-ro E. Fraga ; urbo *Praha* : S-ro K. Biskup.

Oni sinsekve aplaŭdas tiujn oficialajn reprezentantojn, speciale tiun de Hispanujo, kiu pendigis ĉe la kolon de D-ro Zamenhof la krucon de komandoro de Izabelo la katolika.

Poste venas la naciaj delegitoj — senfina vico. Feliĉe kelkaj

el ili diras nuk tiujn tri vortojn : « Mi vin salutas » kaj estas ne la malplej aklamataj.

La kunsido estas fine fermata dum la ĉeestantaro entuziasme kantis la « Espero ».

# RAJTIGITA DELEGITARO

Oni scias, ke laŭ la projekto de D-ro Zamenhaf (aldono al la Kongresa Regularo) en tiu ĉi Kongreso, male al la antaŭaj la propagandaj organizajoj estis reprezentataj de *rajtigitaj delegitoj* kiuj estis elektitaj de la grupoj kaj de la naciaj societoj je unu delegito po 25 membroj. (La delegitoj povis, en okazo de neĉeesto, transdoni sian voĉon al alia delegito). Do, la rezolucioj de tiu Kongreso ne estis submetataj al la tuta Kongresanaro, sed nur al la rajtigitaj delegitoj, elektitaj konforme al la projekto de D-ro Zamenhof.

Ni mallonge resumos la diskutojn de tiu delegitaro, kiuj estis varmaj kaj ofte konfuzaj.

### La unua Kunveno

Ĝi okazis mardon ptmeze ĉe la festsalono de la Reĝa ateneo, sub la prezido de S-ro Rollet de l'Isle, anstataŭanta S-ron Van der Biest. Ĉeestis ĉirkaŭ kvar cent personoj. La nerajtigitaj personoj, unue ne akceptitaj — kio elvokis sufiĉe da protestoj — estis poste enlasitaj, laŭ la decido de la delegitaro mem.

En la komenco D-ro Zamenhof klarigas kial li proponis, ke por doni pli da forto al la decidoj de la Kongreso, ĉi tiuj estu voĉdonataj ne de la kongresanoj, sed nur de delegitoj elektitaj de la grupoj kaj rajtigitaj de ili. Tiu demando estas sendependa de la demando pri internacia organizo de la Esperantistaro.

La kunvenintaro aplaŭde akceptas la principon de rajtigita delegitaro (estis 19 neoj), post longa diskutado pri la maniero voĉdoni, en kiu partoprenas S-roj Chavet, Lamant, de Saussure.

La delegitoj poste transiras al la regularo mem, laŭ kiu ili devas esti elektataj por ĉiu Kongreso.

La du unuaj artikoloj estas sendiskute akceptataj.

Je § 3, S ro Privat, kontraŭbatalata de S-ro Bourlet, proponas ke oni konsideru nur la aktivajn membrojn de la grupoj, t. e. personoj povantaj paroli Esperanton, kaj ke subskribu la rajtigan leteron ne nur la prezidanto, sed ankaŭ la membroj.

Post diskuto tiu propono estas malakceptata kaj § 3 akceptata.

Je la sekvantaj paragrafoj, S-roj Hodler kaj Rousseau sinsekve parolas por atentigi, ke anstataŭ simple sankcii la manieron laŭ kiu la delegitoj estis rajtigitaj, oni fakte faras organizajon ne dirante ĝin, dum S-ro Zamenhof klare diris, ke la demando pri internacia organizo estas malsama ol tiu pri pure dumkongresa rajtigita delegitaro. Estas neceœ, ke la demando pri internacia organizo de la tuta Esperantistaro kiu estas la ĉefa solvota de tiu Kongreso, estu komplete diskutata kaj ke oni unue diskutu, ĉu principe tiu organizo estas dezirinda, anstataŭ fiksi ĝiajn detalojn, kiel oni nun faras. La Kongreso estas nur parto de la demando pri internacia organizo.

Kontraŭ tiu vidpunkto parolas G-lo Sébert, S-roj C. Bourlet, Von Frenkell, kiuj insistas por ke oni voĉdonu por la regularo.

S-ro Von Frenkell proponas, ke estu reprezentataj nur la personoj pagantaj kotizajon.

S-ro Hodler kaj S-ro Rousseau protestas, ke oni uzas la pretekston de tiu regularo por fakte krei internacian organizon, antaŭ ol la Kongreso povis klare diskuti tiun demandon.

La diskuto fariĝas poste konfuza kaj tumulta. La kunveno estas videble ekscitita. Parolas ankoraŭ laŭ diversaj sencoj S-roj Mudie, Fleck. Privat, Lamant, Chavet, Von Frenkell. Fine, meze de l'bruo, la § 4 estas akceptata en la proponita formo kaj la resto de l'diskuto prokrastata ĝis la morgaŭa tago, kvankam la kunveno unue decidis daŭrigi la diskutadon.

### Dua Kunveno

Tiu kunveno, prezidata de S-roj Van der Biest kaj Rollet de l'Isle, estis dediĉita je la diskutado de la sekvo de la Regularo pri la rajtigita Delegitaro.

S-ro *Privat* petas la priorecon por la jena teksto de § 1.

Ĉiu decido de internacia Esperantista Kongreso estas deviga nur por la institucioj kreitaj de tiuj kongresoj post la unua Kongreso. Por la Esperantistoj privataj ĝi havas valoron nur moralan.

La Internaciaj Esperantistaj Kangresoj solene rekonas, ke Esperanto fariĝis nature vivanta lingvo, ili akceptas la fundamenton de D-ro Zamenhof kiel netuŝeblan kaj rekonas la sendependan aŭtoritaton de la Lingva komitato por sole konstati kaj kontroli la naturan evoluadon de la lingvo.

Tial ili nepre malpermesas al si diskuti ian ajn demandon pri la lingvo mem, kies propran vivadon ili definitive kaj publike rekonas.

Prezentante tiun ĉi proponon en la nomo de S-ro Pollen, Reed kaj li mem, S-ro Privat klarigas, ke la batalado kontraŭ internacia reprezentantaro estis ĉefe kaŭzita ĉar oni timis lingvajn diskutojn; multaj atakoj ĉesos se oni komence deklaros, ke la lingvo estas netuŝebla.

D-ro *Zamenhof* tute konsentas kun la senco de la propono Privat, sed li opinias, ke ni ne devas nin ligi tiamaniere.

S-ro *Bourlet* konsentas kun la majstro kaj intencas proponi ke la rajtigitaj delegitoj aprobu la decidojn de la antaŭaj Kongresoj, kiuj entenas similajn deklarojn.

S-ro *Privat* rimarkigas ke pro sia granda modesteco D-ro Zamenhof ĉiam lasis plenan liberecon al ĉiu por kritiki lian verkajon « Esperauto ». Sed ni, esperantistoj, havas la rajton diri, ke ni ne volas plu diskuti pri la lingvo.

Fidelaj lernantoj de Zamenhof ni estas kredante, ke lingvo nature vivas per la uzado kaj ne per decidoj de kongresoj aŭ komitatoj.

S-ro *Boirac* opinias, ke oni devas lasi la kongresojn liberaj decidi pri reformoj se ili fariĝos necesaj, en la estonto. Aliflanke la antaŭaj kongresoj jam multfoje deklaris « unufojon por ĉiam » la lingvon netuŝebla.

S-ro *Arnhold* kaj *Mybs* diras ke oni ne povas voĉdoni pri tiu propono, ĉar la majstro ne deziras ĝin.

D-ro *Zamenhof* protestas ke *ne deziron* sed nur sian *privatan opinion* li esprimis. Li petas ke oni neniam faru konfuzon pri tio.

S-ro *Reed* opinias, ke oni povus akcepti la proponon de S-ro Privat mallongigante ĝin.

S-ro *Privat* konsentas forlasi la lastan parton de sia propono konservante nur la unuan paragrafon, kiu garantias al lingva komitato plenan sendependecon.

S-ro *Boirac* diras ke la rajtigitaj delegitoj estus eble pli malfrue tre kontentaj ordoni la lingvan komitaton ke ĝi faru reformojn aŭ male ke ĝi ne faru ilin, se tiu komitato iam fariĝus reformema.

*S-ro Privat* bedaŭras, ke la prezidanto de Lingva komitato ne konas ĝian regularon, per kiu la L. K. rajtas nur kontroli la evoluadon de la lingvo sed neniel ĝin arbitre ŝanĝi; voĉdonite, la mallongigo de la propono Privat estas malakceptita de ĉirkaŭe 2/3 kontraŭ 1/3 de la delegitoj.

Poste la delegitoj, laŭ propono de S-ro Bourlet, solene leviĝas por fari siaj ĉiujn decidojn del'antaŭaj kongresoj.

Je la lasta paragrafo S-ro *Von Frenkell*, apogata de S-ro *Bourlet*, proponas, ke oni enkonduku la vorton kotizajo ĉar nur tiuj kiuj pagas por la « oficialaj » institucioj devus

havi la rajton esti reprezentataj. S-ro *Mudie* proponas, ke oni prokrastu la demandon, ĉar estas grava ĝis nun ne legita propono de U. E. A.. kiu povas influi al la financa demando. Post diversaj rimarkoj, meze de neklara diskutado, la prokrasto, proponita de S-ro Mudie, estas malakceptata, la aldono Von Frenkell estas aprobata kaj la tuta regularo akceptata.

### Tria Kunveno

En la komenco de la kunveno prezidata de S-roj Mybs kaj Mudie sinsekve, oni proponas la jenan rezolucion:

La rajtigitaj delegitoj de la propagandaj Esperantistaj societoj, konvinkitaj, ke estas dezirinde : 1e organizi sur firma kaj oficiala fundamento la konstantan komitaton de la Kongresoj, la Lingvan Komitaton, la administran Konsilantaron, la Centran Oficejon kaj ĝian organon ; 2e pli firme unuigi la naciajn propagandajn societojn; 3e starigi amikajn rilatojn inter la propagandaj societoj kaj la fakaj societoj, kiel ekz. U. E. A., decidas elekti komisionon, kiu studos la tutan demandon, prezentos ĝin en difinita formo ĉe la 8a kongreso kaj publikigos la akceptitan projekton, tri monatojn antaŭe, en la « Oficiala Gazeto ».

S-ro Bourlet diras, ke oni ne povas nun alpreni definitivan decidon, sed nur prepari ĉion, tiel ke en la venonta Kongreso povu esti prezentata definitiva projekto por unuigi la tutan Esperantistaron.

S-ro Michaux ĝojas ke oni voĉdonis reprezentadon dum ĉi tiu kongreso, ĉar estas la unua paŝo al la reguleco, kiu ĝis nun ne ekzistis en Esperantujo. Li petas, ke oni kompletigu la principon de reprezentado dirante ke la delegitoj volas regulan organizon, ne nur dum tiu kongreso, sed por ĉiam leĝan aŭtoritaton periode reelekteblan. Ĝis nun, tion konfesas D-ro Zamenhof, la kongresoj ne estis aŭtoritata instituciо. Do estas infanaĵo pretendi, ke la Lingva Komitato, K. Komitato de la Kongresoj, Centra Oficejo estas institucioj kreitaj de la tuta esperantistaro. La Lingva Komitato estis elektata tute hazarde. Oni lasis dormi en Centra Oficejo, kreita de D-ro Javal kiel leterskatolo, multajn projektojn pri organizo presitaj antaŭ la unua Kongreso. De tiam oni sukcesis lerte abortigi ĉiun proponon de regula organizado, S-ro M. konsentas esti batata, sed regule. Ni venis multaj esperante ke fine oni konsentos diri, ĉu oni volas regulan aŭtoritaton anstataŭ la nunaj neregulaj organizaĵoj. Prokrasto estus definitiva enterigo kaj nin malkuraĝigus. S-ro M. petas, ke oni klare kaj individue voĉdonu pri tiu demando.

D-ro Zamenhof diras, ke estas malkompreniĝo kaj ke oni ĝuste nun forigis la neregulecon per la elektado de rajtigita delegitaro.

S-ro Mudie anoncas, ke la komitato de U. E. A. prezentis gravan projekton pri internacia organizo kaj klarigas ĝian esencon.

La rezolucio Bourlet estas akceptata de la plimulto (50 neoj).

S-ro Boirac legas la nomojn de la proponitaj komisionanoj ; S-roj Van der Biest (Belgujo) ; Mudie, Ĉefeĉ, Warden (Britujo); Sébert, Rollet de l-Isle, Bourlet (Francujo); Mybs, Kandt, Von Frenkell (Germanujo) ; Pujula, Perogordo (Hispanujo) ; Schmid (Svisujo).

S-ro Mudie proponas, ke oni aldonu al la komisiono la nomon de S-ro Hodler.

S-ro Rousseau demandas, ĉu la komisiono celas fari nur organizon de la propagandaj societoj aŭ organizon por la tuta Esperantistaro.

S-ro Lamant protestas kontraŭ la maniero kiel estis elektita la komisiono ; la naciaj delegitoj mem devas elekti siajn reprezentantojn kaj ne ricevi tute pretan liston.

S-ro Hodler deklaras, ke en tiaj neregulaj kondiĉoj li ne konsentas esti en la komisiono. Oni unue diru tre klare, ĉu oni volas simple organizon de la propagandaj societoj aŭ organizon de la tuta Esperantistaro. En la unua okazo lin ne koncernas la laboroj de la komisiono; en la dua okazo estas absolute neakcepteble ke U. E. A., kiu kalkulas 8.000 membrojn kaj reprezentas trijaran sperton pri internacia organizo estu reprezentata nur de unu persono.

S-roj Mybs kaj Kandt respondas, ke la anoj estas proponataj ne kiel reprezentantoj de tia aŭ alia societo, sed simple kiel plej kompetentaj Esperantistoj.

S-ro Hodler respondas, ke tio estas ne vera, ĉar la nomitaj personoj estis proponitaj kiel reprezentantoj de sia nacia societo.

S-ro Privat proponas, ke oni elektu nur kvin membran Komisionon, konsistontan el S-roj Mybs, Rollet de l'Isle Hodler, Mudie.

S-ro Boirac subtenas la liston, kiun li proponis.

S-ro Dejean akceptas la proponon Privat kaj proponas, ke oni aldonu la nomon de G-lo Sébert.

D-ro Dor proponas, ke oni aldonu la nomon de S-ro Cart, al kio S-ro Boirac respondas, ke S-ro Cart estas jam okupata en aliaj organizaĵoj.

Parolas ankoraŭ, meze de l'konfuzo, S-roj Marchand, Fiŝer, Lamant, Kandt.

S-ro Rousseau rimarkigas, ke oni ne ankoraŭ povis klare, scii, ĉu la organizo estas pure propaganda aŭ por la tuta Esperantistaro. Se estas la dua okazo, U. E. A. kaj la fakaj organizaĵoj devas esti reprezentataj kaj iliaj reprezentantoj devas esti elektataj ne de la Kongreso, sed de tiuj organizaĵoj mem.

La propono Privat estas malakceptata kaj la unua listo (kun la nomoj de S-roj Hodler kaj Cart) akceptita.

La fino de tiu longa diskutado estis ĝenerale konfuza kaj tumulta.

Post la voĉdono S-ro Bourlet diras, ke ni atingis gravan rezultaton kaj ke pri tiu Kongreso oni povos diri, ke ĝi kreis pacon kaj unuecon.

Post kiam S-ro Thomson prezentis al D-ro Zamenhof standardon en la nomo de la Vaŝingtonaj blinduloj kaj post la kantado de l'Espero, la kunsido estas fermata.

### La ferma Kunveno

La malferman kunvenon ĉeestis ĉirkaŭ kvincent personoj.

S-ro Boirac legas raporton pri la laboroj de la Lingva Komitato kaj de la Akademio. Tiu raporto estas aprobata.

S-ro Mann parolas pri la Internacia Propagandejo Esperantista kaj anoncas, ke la *Propagandisto* de nun aperos kiel aldono de *Esperanto.*

S-ro Steier parolas pri sia Propaganda Instituto, kiu petas opiniojn de ĉiuj samideanoj pri plej bonaj manieroj vigligi la grupajn kunvenoj.

S-ro Chavet legas la regularon pri la celo kaj organizo de la Centra Oficejo. La kunveno aprobas ĝin.

D-ro Kandt anoncas, ke la hieraŭa elektita komisiono pri organizo elektis lin kiel sekretarion kaj G-lon Sébert kiel prezidanton. Ĝi elektis subkomisionon el S-roj Kandt, Mybs, Von Frenkell por ekzameni la diversajn projektojn de organizo kaj raporti antaŭ la 1a januaro 1912.

La Kongreso voĉdonas dankojn al la Reĝo de Belgujo, al la Belga registaro kaj al la organiza Komitato. Ĝi decidas okazigi la 8an Kongreson en *Krakovio*, la 9an en *Genova* kaj la 10an en *Parizo.*

D-ro Rosenstock, el Krakovio, faras tre belan kaj varme aplaŭdatan paroladon por instigi la Kongresanojn al la vizitado de la oka.

S-ro Van der Biest deziras feliĉan hejmrevenon al la Kongresanoj kaj dankas ilin pro ilia grandara ĉeestado.

Fine, F-ino Posnaer prezentas al D-ro Zamenhof kiel rememoraĵon belan pentraĵon de la Antverpena haveno, faritan de S-ro E. Stoffels.

Ankoraŭ unu fojon estas kantata la *Espero* kaj finita estas la Sepa...

# LA FESTOJ KAJ DISTRAĴOJ

Ili ne mankis kaj estis ĝenerale tre bone organizitaj.

Jam sabaton okazis en la Flandra Operejo plensukcesa koncerto de la *Esperantista Vagabonda Klubo*, en kiu oni aplaŭdis F-inon Barbin, Ŝefer, Maude, Schebsmann, Flourens; S-rojn Harvey kaj Jones.

Dimanĉon vespere, ĉe la sama loko, havis lokon granda reprezentado. Unue estis ludita la *Devo de Reĝo*, unuakta tezdrameto de N. de Tière, en kiu sin rimarkigis S-ino Lola Carew (London) kaj S-ro Van de Velde (Boom). Sekvis sufiĉe amuza unuakta komedieto de E. Van Driessche *Por kvietaj personoj*, en kiu bonege ludis S-roj Urbez (Barcelona), Jann (Esslingen), Doré (Troyes), Nicolau (Bukarest), F-inoj Colijn (Gent) kaj Ŝefer (London), t. e. tute internacia geaktoraro.

Sed la « najlo » de la vespero devis esti kaj efektive estis la *Revuo de la Sepa*, unu akto de Jan, unua provo de pure esperantista teatraĵo antaŭ internacia esperantista publiko. Ni tuj diru, ke la sukceso estis granda. La revuo, ofte sprita kaj plena de trafaj aludoj al la nuna stato de Esperanto, estis interrompata de aplaŭdoj. La ludo de la multenombraj aktoroj (ne malpli ol du dek) estis ĝenerale tre kontentiga kaj la ĥoro kalkulanta ĉirkaŭ naŭdek personojn apartenantajn al kvin landoj plenumis sian taskon kun unueco kaj ĝustatoneco.

Inter la plej valoraj trezoroj, kiujn posedas la nacioj, estas sendube la popolaj kantoj, kies plej belajn konservas la tradicio dum jarcentoj. Ilin kantas la patrinoj ĉe la lulilo de l'infanoj, ilin kantas la junaj knabinoj hejme ĉe la laboro kaj en societo de siaj amikinoj dum somervespero, promenante en la dolĉa aero de l'patrolando, aŭ vintre ĉe la forno. Por ilin ekkoni, fremdulo bezonas longan restadon en la lando, intimajn rilatojn kun la popolo, kaj kiu pasigas nur unu semajnon en fremda lando tute ne havas okazon ilin aŭskulti. Estis do bonega ideo de la *Sepo* aŭdigi al la kongresanoj kolekton de la plej ĉarmaj flandraj popolkantoj, el la buŝo de famaj artistoj, do en plej eble granda perfekteco. La programo estis lerte kunmetita de D-ro Van der Biest, kiu mem tradukis la tekstojn. La koncerto estis tre zorge aranĝita, ĉar ĉiu speco estis reprezentata : la patriotaj, la romantikaj, la religiaj, la melankoliaj, la humoraj, k. a. kantoj, kiuj ĉarmis niajn orelojn, emociis niajn korojn kaj rapide almilitis niajn amikajn sentojn por la flandra popolo kaj ĝia belsona lingvo. F-inoj Seroen kaj Buyens, S-roj Bol kaj Collignon estis entuziasme aplaŭdataj pro sia artplena kantado.

Vendredo posttagmeze estis dediĉita al ekskurso sur la Skeldo (Escaut), kiu plezurigis la partoprenantojn. La Antverpenaj gazetos raportis, ke por atingi la havenon la Esperantistoj formis procesion kaj en sia entuziasmo maljungis la ĉevalojn de la veturilo de D-ro Zamenhof kaj sin mem jungis al ĝi. Tiu fakto, kiun ni ne povis mem konstati, kaŭzis, diras la samaj gazetoj, pli-malpli strangan impreson. Estas evidente, ke tio preterpasas iom la limojn de l'entuziasmo...

La balo, kiu okazis en la Somerĝardeno de la Reĝa Harmonia Societo estis vivoplena. Oni povis admiri kelkajn interesajn naciajn kostumojn. Kolonelo Pollen en vestaĵo de hinda princo meritas apartan citon.

## Kaajte

La sukceso de tiu duobla prezentado estis tre rimarkinda kaj la kongresanoj ofte rememoros tiun belan vesperon ; realveninte en la malproksima, amata hejmo, ili pensos al la ĉarma, juna Holandanino, kiun la doloro plibeligis kaj kiu sciis suferi tiel pacience, tiel inde.

La ĉambrego de l'bela Flandra Operejo havis brilan aspekton. Pli ol ordinara esperantista entuziasmo regis, kaj tio jam sufiĉe diras... Ankaŭ la geinterpretantoj meritis ĉiujn laŭdojn ; ilia laboro rajtigis la favoran akcepton faritan de la impresitaj kongresanoj. La elparolado de la aktoroj estas el la plej bonaj, kiujn ni iam aŭdis, kaj ne unu vorto restis nekomprenata de la vasta ĉeestantaro. Post ĉiu akto, oni devis resuprenigi la kurtenon tri aŭ kvarfoje ; post la tria akto, S-ro Van der Biest elokvente dankis la geaktorojn, S-inojn H. Bertrijn, M. Verstraete kaj M. Janssens, kaj S-rojn J. Verstraete kaj K. Van Rijn, kaj — *last not least* — la reĝisoron S-ron Van den Heuvel. La publiko vokis ankaŭ sur la scenejon S-ron D-ron Van der Biest, la lertan tradukinton.

## Literaturaj Konkursoj

Ĵaŭdon la kongresanoj multnombre kunvenis en la Flandra Operejo por ĉeesti la disdonon de la premioj de la kongresaj Literaturaj Konkursoj, kaj por aŭskulti la koncerton kaj parolon, kiuj formis al tiu disdono belan festan preludon.

Ĉe la apero de D-ro kaj S-ino Zamenhof en la honora loĝio, la aŭskultantaro, ĉiam preta esprimi sian entuziasmon, aklame stariĝis kaj kantis « L'Espero ». La programo komenciĝis per fortepianaĵo, *Rondo Capriccioso* de Mendelssohn, kiun bonege ludis blinda samideano, S-ro Grieve, el Skotlando. Lin sekvis F-ino Melchior, blindulino el Kopenhago, kiu kantis *La Zamenhofa lingvo*, recitativan pecon verkitan de S-ro Lauritzen. En ambaŭ okazoj oni sentis tiun emocian kortuŝan potencon, kiun havas preskaŭ ĉiam kanto aŭ ludo de blindulo kaj precipe ĉe muzikaĵoj en Esperanto, kiu por tiuj de l'sorto frapitaj fratoj niaj malfermas tutan novan mondon de lumo kaj ĝojo. Ambaŭ devis doni bison.

Post tiuj du muzikaj numeroj venis alia, neniel malpli muzika : la parolo de nia kunlaboranto Edmond Privat, el Ĝenovo, pri *La Esperanta Literaturo*. Redoni detale la belan muzikon de vortoj kaj pensoj, per kiu nin regalis nia elokventa samideano, ni ĉi tie ne povas. Ni povas nur diri, ke li sukcesis esprimi en la brila maniero, kiun ĉiuj kongresanoj konas lia, la veraĵojn, kiujn sentas en la koro ĉiu efektiva amant-uzanto de nia kara lingvo. Per koraltigaj vortoj li rakontis al ni plej bele la modestajn komenciĝojn de la pratempo de la esperanta literaturo, montris, kiel ĝi kreskis sub la plumoj kaj sur la lipoj de niaj unuaj verkistoj kaj bardoj, diris, kiel ĝi kreskis el la vivo mem de niaj pioniroj, la unuaj batalantoj por nia afero, kaj liaj belaj bildoj vekis en nia imago ne nur la kortuŝajn rememorojn de la primitiva epoko de nia literaturo, sed ankaŭ vidigis al ni la gloran disflorigadon, kiun pretigas por ĝi la estonteco, kiam ĝi okupos inter la naciaj literaturoj la lokon, kiun rajte devos okupi lingvo, kiu ebligas al la diversnaciaj verkistoj donaci en internacia formo al la tuta mondo la plej amatajn trezorojn de sia propra lando kaj popolo. Ĉu ne ridinde estas, li diris, diskuti pri ŝanĝoj kaj plibonigoj en lingvo, kiu tiel potence floras kaj vivas ? En lingvo, per kiu homaj koroj tiel bele esprimis siajn plorojn kaj ridojn, sian ĝojon kaj malĝojon, en kiuj homoj *sentis* ? En lingvo, kiu liveris al ni tiajn festenojn de belvorta muziko, kiun oni havis dum la prezentadoj de *Kaatje* ?

Trifoje la oratoro estis aklame revokita sur la scenejon, kaj ĉiu certe ĝojas, ke laŭ komuna deziro oni poste presigos en ĝia tuteco tiun belan parolon, kiu tiel ĉarme kaj trafe vekis la senton de la esperantista popolo (1).

(1) Ĝi aperos en unu el niaj venontaj N-oj.

Sekvis aliaj aplaŭditaj kantoj kaj monologoj, kaj S-ro Van der Biest legis sian raporton pri la kongresaj konkursoj.

Jen la nomaro de la premiitaj personoj :

*Konkursoj 7, 9, 22, 24* : Neniu partopreninto.

*Konkurso 15* : Nur unu partopreninto, ne sukcesinta.

*Konkurso 1* (Historio de Esperanto) : S-ro Zakrzewski (Varsovio); S-ro D-ro Fiŝer (Tiflis).

*Konkursoj 2, 21* (Novelo) : F-ino Flourens (Lyon) ; S-ro Beau (Lyon).

*Konkurso 3* (Esperanto kaj komerco) : S-ro Sommer (Chemniz).

*Konkurso 4* (Esperanto kaj laboristoj) : S-ro Brœkhuizen (Hago).

*Konkurso 5* (Malnova flandra pentrista skolo) : S-ro Dufeutrel (Alger).

*Konkurso 6* (Instruado de Esperanto) : S-ro Baff (Washington) ; S-ro Camescasse (Paris).

*Konkurso 8* (Lingvaj rajtoj) : S-ro Jakeŝ (Budejovice).

*Konkurso 10* (Soneto) : S-ro Bicknell (Bordighera).

*Konkurso 11* (Originala studo) : S-roj Stahl (Mahrenberg), Dufeutrel (Alger), Pujula (Barcelono).

*Konkurso 12* (Kvarversaĵo) : S-ro Van de Velde (Boom).

*Konkurso 13* (Ĉekoj kaj transpagiloj) : S-ro Vogler (Hamburg).

*Konkurso 14* (Verko de junulo) : S-ro Hunger (Frankenberg).

*Konkurso 17* (Esperanto kaj aviadistoj) : S-ro Sommer (Chemnitz) ; S-ro Vaŝatko (Praha).

*Konkurso 18* (Kanzono) : S-ro Baylis (West Hartlepool).

*Konkurso 19* (Popolaj moroj) : S-roj Devjatnin (Kovno), Schrœder (Wien).

*Konkurso 20* (Laŭfundamenta verketo) : F-ino Flourens (Béziers); S-ro Momber (Oberbollendorf).

## SPECIALAJ KUNVENOJ

Dum la Kongreso okazis multaj specialaj fakaj kunvenoj. Jen resumo de la laboroj plenumitaj de tiuj el la kunvenoj, pri kiuj ni povis havi informojn,

*Financa Konsilantaro.*

Ĝi kunvenis por aŭdi la raporton pri la agado kaj financrimedoj de la Centra Oficejo Esperantisla, kies regularon ĝi diskutis kaj akceptis. Tiu regularo estis poste sankciita de la Rajtigitaj Delegitoj.

*Lingva Komitato.*

Okazis du kunvenoj. Estis legataj de Sro Boirac raportoj de la tri sekcioj (gramatiko, vortaro, tekniko). S-roj Grabowski, Elb kaj de Saussure aldonis kelkajn vortojn.

Estis kontraŭ la lingvaj diskutoj en *Oficiala Gazeto*, diversaj kritikoj formulitaj de S-roj de Saussure kaj Privat.

En la dua kunveno la Akademio komunikis al la L. K. kelkajn nun diskutatajn proponojn : elekto de L. K-anoj ; rekomendo aŭ malrekomendo de libroj, ktp. La Akademio aprobis la proteston de 28 L. K-anoj kontraŭ la arbitra sistemo uzata en la vortaro de S-ro Grosjean-Maupin sed decidis ke publike, ĝi simple devas ignori tiajn librojn kaj lasi plenan kritikrajton al la Esperanta gazetaro.

La fako de internaj aferoj estas forigita kaj la prezidanto plenumos ĝian laboron.

*Ekzamenoj de Instituto.*

Okazis tri ekzmenaj kunsidoj de la Instituto en ĉambro plenigata je interesata aŭdantaro. Juĝantaro konsistanta el S-roj Devjatnin, Ghez, Grabowski, Hodler, Ostrovski, Robin, Rousseau, prezidata de S-ro Privat ekzamenis 15 kandidatojn al atesto pri kaprbleco kaj 3 al profesora diplomo.

*T. E. K. A. (Kuracistoj).*

La 40 Teka-anoj ĉeestantaj la Sepan trifoje kunvenis sub la prezido de D-ro P-ro Dor (Lyon), helpata do D-ro Ŝidlovski (Moskvo). Pro foresto de S-ro Ŝibĉinski, sekr., S-ro Poncet (Lyon) oficis kiel secretario.

Oni diskutis pri la reorganizo de la ĉiumonata gazeto aŭ fondo de oficiala dumonata bulteno. Oni studis projekton de novaj regularoj.

D-ro Rotschuh (Aachen) legis sciencan raporton pri « Salvarsano (606) kaj hidrargo en la kuracado de sifiliso. » S-ro Poncet, med. stud. (Lyon) legis verketon pri « Laboroj kaj eltrovoj de l'jus morttnta P-ro Arloing, de la Lyona Fakultato. » La Majstra kunfrato D-ro L. L. Zamenhof ĉeestis la lastan kunsidon kaj partoprenis ĉe la ĝenerala fotografado de TEKA-anoj.

*Scienca Asocio.*

Ĝi kunvenis dufoje por aŭdi la raporton pri la dumjara agado, diskuti pri la revuo baldaŭ reaperonta kaj decidi pri la fondo de specialistaj sekcioj. Jaŭdon vespere okazis sukcesa parolado, kun lumbildoj, de S-ro Bourlet kaj Archdeacon pri *aviado* el scienca vidpunkto kaj el ĝiaj rilatoj kun nia movado.

Ni aldonu, ke dum la kongresvesperoj la firmo Gaumont funkciigis novan ŝatitan elpensaĵon : la parolantan kinematografon.

Post la Kongreso okazis ekskurso de la Scienca Asocio en Brukselo.

Partoprenis ĉirkaŭ tridek personoj.

La ekskursanoj vizitis la Bibliografian Instituton, la Oficejon de la Internaciaj Asocioj kaj la diversajn sciencajn instituciojn de la belga ĉefurbo.

*Esperanta Psikistaro.*

La unua kunveno estis prezidata de S-ro Boirac.

La sekretario salutis la ĉeestantojn kaj faris la historion de Esperanta Psikistaro. S-rs Novotny salutis en la nomo de la bohemaj spiritistoj kaj S-ro de Nogales por la hispanaj. La definitiva fondo de Esperanta Psikistaro estis decidita.

Ĉe la dua kunveno, S-ro Chaigneau prezentis projekton de Psikisma terminaro. La Komitato estis elektita jene : S-roj Boirac, honora prezidanto ; Chaigneau (Francujo), de Nogales (Hispanujo), Schriewer (Moresnet), Meiler (Germanujo), Stas (Belgujo), Rosenstock (Galicio). Poste okazis psikismaj eksperimentoj : maldorma sugestio per S-ro Rosenstock ; tiptologio per Sino Daupias, Fino Guldemont, Sroj Fraga kaj de Coninck. Per la tablo, inteligentaĵo sin diranta Rubens, komunikis, ke liaj pentraĵoj en la ĉefpreĝejo en Antverpeno estos bruligataj dum 1912 pro malzorgemeco ; li ankaŭ donis tiun frazon : « Estas necese admiri por disvastigi la guston por la belo ».

Ĉe la tria kunveno (intima) la hipnotigisto Coppens faris sukcesajn eksperimentojn kun S-roj Zajcev kaj de Nogales.

*Liberpensuloj.*

La ĝenerala kunveno okazis la 25 aŭgusto, sub la prezido de S-ro Wolf. Ĝi decidis diskuti nur proponojn por skriba voĉdono. Estis akceptata peto por interŝanĝo de propagandiloj kun aliaj societoj, por divido de la bulteno kun la ordeno por Etiko kaj Kulturo, propono por komenco de la societa jaro je la 1 januaro ; oni prezentis du novajn komitatanojn kaj elektis delegitojn por la monisma Kongreso en Hamburg. Oni proponis, ke la venonta kunveno okazu en Krakovio kaj ke alia samjare fariĝu en München, dum la Universala Kongreso de la Liberpensuloj.

*Socialistoj.*

Prezidis D-ro Hanauer. Estis legitaj diversaj naciaj raportoj pri la socialista movado. Oni decidis prokrasti la demandon pri fondo de aparta gazeto kaj instigi unue al la formiĝo de naciaj grupoj kun nacia sekretario. S-ro Hermant (Parizo)

estis komisiita kiel ĝenerala sekretario kaj preparos regularon. La Antverpenaj socialistoj kore akceptis siajn alilandajn samideanojn ĉe la Popola Domo. Okazis publika kunveno en kiu oni alprenis rezolucion favoran al la enkonduko de Esperanto ĉe la socialistaro.

*Vegetaranoj.*

La Unuiĝo de la Esperantistoj Vegetaranoj kunvenis du fojojn S-ro Gill oficis kiel sekretario. La kunveno decidis, ke la Unuiĝo estos de nun Esperantia Entrepreno kaj ĝi havos *Esperanto* kiel oficialan organon.

S-ro Gill estis komisiita por prepari liston de vegetaraj manĝejoj ĉiulandaj kiel eble plej kompletan. De post la morto de Leono Tolstoj la societo estas sen honora prezidanto, sed dum tiu kunsido ĝi elektis D-ron Robin (Bukareŝto) kiel prezidanton.

*Policistoj.*

La faka kunsido de la policistoj okazis en la Reĝa Ateneo. Krom 40 Antverpenaj policistoj, inter kiuj 6 oficiroj, ĉeestis S-roj Fischer, oficiala delegito de la Polica Prefektejo en Galatz, Von Frenkell, komisiita de S-ro Kœltig, policprezidanto de Dresdeno, S-ro Tison, policinspektoro en Parizo kaj S-ro Ypma, policano en Hago. Interkonsentiĝinte pri provizora statuto, S-ro Warlop, helpa komisaro, inspektoro en Antverpeno, deklaris, ke la *Internacia Esperantista Policasocio* estas fondita. La sidejo staras en Parizo, ĉe la polica prefektejo.

# DUA KONGRESO DE U. E. A.

La dua Kongreso de U. E. A. tre bone sukcesis. Kvankam oni povis timi, ke ok tagoj de kongreso ĉiujn lacigis, pli ol cento da personoj akurate vizitis la kunvenojn de U. E. A. dum kiuj estas plenumita multe da diversa praktika laboro.

## Malferma kunveno

Ĝi okazis sabaton je la tria, ĉe la Festsalono de la Reĝa Ateneo tute plenigita (tiu kunveno estis publika), kun la ĉeesto de D-ro Zamenhof. Sur la estradon prenas lokon, krom nia majstro, S-roj Mudie, Rousseau, Kandt, Blaise, Privat, Schmid, komitatanoj, H. Hodler, direktoro, D-ro Van der Biest, reprezentanto de la Organiza Komitato.

S-ro *Mudie*, malfermas la kunvenon, salutas la multnombre alvenintajn partoprenantojn, precipe nian honoran prezidanton D-ro L. L. Zamenhof. Li aludas la diskutadojn dum la jus finiĝinta Sepa Universala Kongreso de Esperanto kaj rimarkas, ke eble kelkaj kritikas, ke nia kongreso okazas en la sama urbo kaj kvazaŭ samtempe kiel la Sepa. Sed nia Komitato tre zorge ekzamenis la demandon kaj ĝi konvinkiĝis, ke la nuna aranĝo estas multe pli oportuna ol iu alia en alia urbo kaj alia tempo. Ni neniel intencis konkurenci la Kongreson de Esperanto. Li konstatas la ĉeestadon de kelkaj samideanoj el Augsburg kaj memorigas pri la vere Esperantia atmosfero, kiun ni antaŭ unu jaro ĝuadis en tiu urbo. Tie, ni vere laboris. Neniam li ĉeestis en tiel labor plena kongreso kiel en Augsburg. Li estas feliĉa, ke niaj laboroj dum tiu dua kongreso ne estos tiom longaj kaj multnombraj kiel en la unua, kie oni decidis pri 71 deziresprimoj.

*D-ro Zamenhof* intencas diri nur kelke da vortoj, sed li estas iom embarasata, kion li diros. Li deziras al la laboroj de la kongreso la samajn sukcesojn kiel havis U. E. A. en siaj ĝisnunaj klopodoj. Dum la kongresoj oni povas pripensi kaj ellabori ion pli certan pri la komuna organiziĝo, ĉiuj fortoj baldaŭ koncentriĝos por komuna fruktodona laboro. Li salutas la partoprenantojn kaj ree deziras bonan sukceson.

*S-ro Hodler* legas sian paroladon pri la ĝenerala agado de U. E. A. kaj ĝia rilato kun la demando pri internacia organizo de la Esperantistaro. Tiu parolado estas atente aŭdata kaj fervore aplaŭdata (1).

*S-ro Privat* laŭdas la fundan kaj pensigan raporton de S-ro Hodler, kiu tre precize priskribis la diskutojn dum la Sepa. La delegitoj ĉe tiu kongreso estis surprizitaj voĉdoni laŭ tute nova maniero. La diskutoj estis tro rapidaj kaj la delegitoj devis alkutimiĝi rapidege al novaj formoj, kaj ne estis eble sufiĉe pripensadi kaj formi al si klarajn opiniojn. U. E. A. certe donis novan vojon. Multaj ne povas kompreni, kial U. E. A. tiel agas, ĉar ofte eĉ bonaj Esperantistoj ne estas bone informitaj pri ĝi. U. E. A. havas 8.000 membrojn kaj trijaran sperton. Nia kongreso ne parolos pri Esperanto kaj propagando, sed nur pri praktikaj demandoj. Tial niaj kongresoj estas malgrandaj kongresoj de la estonta homaro; niaj kongresanoj scias Esperanton kaj pridiskutas demandojn, kiuj koncernas la homon, ne la lingvon. La ĉefa celo de U. E. A. devas esti la bono de la homaro. U. E. A, plejmulte propagandas Esperanton laŭ tiu principo : Oni pli bone predikas farante ol klarigante. U. E. A. venis en la ĝusta momento, kiam antaŭ tri jaroj iu danĝero nin minacis, kaj ĝi marŝigis Esperanton antaŭen. « Komence mi skribis kontraŭ U. E. A. Sed baldaŭ la faktoj min konvinkis, ke U. E. A. faras la plej bonan kaj efikan laboron en Esperantujo. » Ni povas esti fieraj kaj kontentaj pri ĝi : ĝi helpas la junulojn en fremdujo, mil vojaĝantoj tre facile uzadas ĝiajn servojn kaj tre komforte povas veturi de urbo al urbo, ĉie ĝuante neatenditan helpon. Per la servoj de U. E. A, Esperantismo ĉie fariĝas amata. Niaj fervoraj Delegitoj laboradas senpage; ilia sola rekompenco estas la kontentiĝo, la sento de bona ago. Kelkaj riproĉas al U. E. A., ke ĝi estas tro materia entrepreno. Sed ni kontraŭe konstatas, ke ekzistas nenia pli idealista asocio ol U. E. A. Idealo estas ja fari ĉion eblan por helpi al la aliaj. (Longa aplaŭdado.)

D-ro *Kandt* diras, ke ĉio, kion ni faras por Esperanto, estas utila. Ni ne nin turnas ĉiam al la sama publiko, kaj niaj agadrimedoj estu laŭ la cirkonstancoj. Li ne vidis ion kontraŭ U. E. A. kiam ni dum la Sepa starigis tiun komisionon.

S-ro *Mudie* legas la raporton, kiun la Komitato de U. E. A. tuj post la alveno en Antverpeno, sendis al la Financa Konsilantaro (1). Ni bedaŭras, ke tiu propono neniam venis antaŭ la kongreson, sed neniu venis tien por plendi (Aplaŭdoj).

Post diversaj anoncoj, la kunveno estas fermita.

## Unua labora kunveno

28 Aŭgusto; 9 h. 1/2 matene.

Prezidas S-ro Mudie, *prezidanto.*

S-ro *Schmid*, sekretario de la Kongreso, legas la protokolon, kiu estas unuanime aprobata.

S-ro *Hodler* donas kelke da klarigoj pri sia raporto (Raporto 1a). La mankoj kaj malhelpoj, kiujn ni povas konstati meze de aliaj kontentigaj rezultatoj, devenas de nesufiĉa kompreno de nia celado inter niaj membroj,

S-ro *Mudie* laŭdas la precizan raporton de S-ro Hodler kaj ĝojas, ke nia Asocio sukcesis gajni 400 novajn membrojn. U. E. A. estas la plej bona afero, kiu elkreskis el Esperanto.

D-ro *Kandt* starigas la demandon, ĉu ne estus rekomendinde fondi specialan kason por stipendioj.

(1) Vidu ĝin en la komenco de tiu ĉi No *U. E. A. kaj la Organizado de la Esperantistaro.*

(1) Ĝi aperos en nia venonta No.

S-ro *Mudie* proponas la prokraston de tiu demando ĝis la pritrakto de la financa raporto.

S-ro *Fleck* deziras publike konstati, ke la gvidado de nia Asocio troviĝas en plej bonaj manoj.

La raporto de la direktoro estas unuanime aprobata.

∴ Rilate al demando de S-ro Mahn, S-ro *Mudie* rimarkas, ke la sintenado de la Sepa rilate al la proponoj de U. E. A. ne devas influi nian vojon. Ni vigle laboru kiel antaŭe.

S-ro *Vogler* plendas, ke la varbado de Entreprenoj estas tre malfacila. La koncernaj propagandiloj ne estas taŭgaj, precipe laŭ formato. Aliparte, dum Distrikta kunveno en Lübeck, oni konstatis, ke en Svisujo estas Del. de U. E. A., kiu vigle kaj oficiale propagandas por Ido. Tio ne povas esti permesata.

S-ro *Rousseau* diras, ke la deziro, ke ĉiuj Esperantistoj havu nur unu kotizajon, ne estas efektivigebla. Tiun demandon oni cetere pli detale povos esplori nur dum la venonta kongreso. Li mem faris en la varbado de Entreprenoj malan sperton ol S-ro Vogler. Li konsilas ne paroli al la varbatoj pri Esp. aŭ pri U. E. A., sed simple pri praktika internacia organizajo. Tiamaniere li facile varbis 11 Entreprenojn en Dijon.

S-ro *Privat* diras, ke ĉar estas eble, ke oni kunfandos poresperantajn kun peresperantaj organizajoj, estas necese, ke ni vigle kaj fervore laboru, por ke la projekto de nia Asocio bone estu akceptata ĉe la 8ª Kongreso de Esperanto.

S-ro *Rousseau* montras, ke estas facile eksigi la svisan Delegiton, kiu varbas por Ido ; laŭ § 15 oni povas lin eksigi kiel membron.

La kunveno decidas unuanime kontraŭ du voĉoj, ke la Komitato severe agu en tiu demando.

S-ro *Stromboli* proponas, ke oni voĉdonu pri starigo de rajtigitaj reprezentantoj dum la kongresoj de U. E. A.

S-ro *Rousseau* konstatas, ke tiu propono estas kontraŭ la Statuto. Oni voĉdonis pri tio lastan jaron kaj tiam decidis, ke la Kongreso povas elmeti nur deziresprimojn. La parlamenta metodo ne ĉie donas bonajn rezultatojn. Oni povus meti la demandon sur la tagordon de la 3ª Kongreso, aŭ solvi ĝin per la iniciatrajto.

D-ro *Kandt* opinias, ke estus bone, se en venonta Kongreso U. E. A. estus preta voĉdoni kaj decidi tuj.

S-ro *Blaise* deklaras, ke li faros ĉion eblan por ke la propono pri rajtigitaj reprezentantoj estu malakceptata.

S-ro *Mudie* diras, ke ni povos voĉdoni pri tiu propono ĉe la fino de nia Kongreso.

∴ S-ro *Hodler* donas kelkajn klarigojn pri la raporto 4ª (Esperantia faka organizo).

D-ro *Kandt* konstatas, ke neniam li legis raporton kun tiom da plezuro kiel ĉi tiun. Li varme subtenas la fondon de fakaj organizajoj, sed ili devas esti memstaraj, almenaŭ ŝajne ; ili havu sian propran nomon kaj estu sekcioj de U. E. A.

S-ro *Rousseau* plene aprobas la proponon de D-ro Kandt sed li deziras, ke la materia administrado de tiaj societoj estu en Ĝenevo ; la morala gvidado povas esti en alia urbo.

S-ro *Mudie* admonas al singardemo ; ni ne fondu fakajn organizajojn, se la membroj ne estas sufiĉe multnombraj.

S-ro *Fleck* montras per klariga tabelo la strukturon de U. E. A., laŭ la propono de S-roj Kandt kaj Rousseau.

La proponita deziresprimo, kun kelkaj modifoj, estas unuanime akceptata.

∴ La deziresprimo de raporto 3ª estas sendiskute unuanime akceptata.

∴ S-ro *Hodler* senkulpigas S-ron Stettler, financan fakestron, kiu pro privataj aferoj ne povas partopreni la Kongreson. La ĉefa tasko de nia financa fako konsistis en la reorganizo de la financa sistemo. Dank'al ĉi tio, ĉiuj antaŭaj malfacilajoj malaperis. Li detale klarigas la diversajn partojn de la financa stato kaj fine diras, ke la financa fako proponas tri rimedojn por forigi la buĝetatan deficiton da 1.500 Sm.

Danko al la financa fakestro estas aplaŭde esprimata ; sama estas direktata al la Komitato, pro kiu dankas S-ro Mudie.

Koncerne la proponoj de la financa fako, S-ro *Mudie* ne konsilas plialtigon de la kotizajo, kaj (laŭ propono c) li deziras monpromesojn por nur unu jaro.

S-ro *Rudnicki* malaprobas la proponon *a* : ni ne volus peti almozojn. Propono *c* estas, krom en Anglujo, tre malmulte konata. Pri plialtigo de la kotizajo, li varme subtenas la sugeston de la financa fako. Li proponas 1 Sm., sed ĉiu membro senpage ricevu la oficialan gazeton. Se ni havus 8.000 abonantojn por nia ĵurnalo, ni facile povos varbi por ĝi komercajn reklamojn, kaj tio havigus al nia Asocio gravajn monrimedojn.

S-ro *Mahn* diras, ke la lokaj grupoj ne sufiĉe konsideras U. E. A. La poresperantaj societoj povas nur krei la Esperantan popolon. Niaj Del. devas havi ĉiam fidindajn informojn pri U. E. A. por ke ili povu verki bonajn artikolojn en naciaj gazetoj. Tiamaniere ni multe varbos. Li precipe rekomendas la varbadon de multnombraj aprobantoj. Ĉiu membro havu kajeron kun dek pretaj aliĝiloj. Plie li konsilas, ke en aŭtuno ĉiu Del. aranĝu kunvenon en sia regiono kaj raportu pri la kongreso.

S-ro *Mudie* dankas la parolinton kaj faras diversajn anoncojn.

La kunveno estas fermata je 12 h.

## Dua labora kunveno

28 Aŭgusto ; 3 h. ptmeze

Prezidas : S-ro Mudie, prezidanto.

S-ro *Schmid* legas la protokolon, kiu estas unuanime aprobata.

S-ro *Rousseau* tute aprobas la proponon de S-ro Mahn pri varbado de aprobantoj. Tamen estas nefacile eldoni kajerojn por tiu varbado. Tion oni povas fari per membrokartoj ĉiam pretaj anstataŭ per kajeroj, ĉar ĝi estus malpli kosta.

S-ro *Rudnicki* diras, ke aprobanto estas la sama kiel mondonacanto. Kelkaj volonte donas pli ol 1 Sm. ; aliaj eĉ 50 sd. ne volas pagi. Ni postulu nur la kotizajon de l'membroj.

S-ro *Privat* ne povas tute konsenti. La plej gravaj asocioj estas, tiuj kiuj pleje almozpetas. Oni ne forigu la fakon de aprobantoj sed plejeble faciligu al la Del. la taskon de varbado. Estas aliparte dezirinde, ke ĉiuj instruantoj donu sian lastan lecionon de kurso al U. E. A.

S-ro *Stromboli* opinias, ke aprobanto estas ĉiu, kiu ricevas la jarlibron aŭ la ĵurnalon. Oni ja povus prokrasti tiun demandon ĝis la fiksado de la kotizajo.

S-ro *Mahn* denove subtenas sian proponon pri kajeroj kun aliĝiloj.

S-ro *Rousseau* proponas lasi la kotizajon de aprobantoj je 1 Sm.

S-ro *Rudnicki* diras, ke inter Esperantistoj ankaŭ troviĝas malamikoj de U. E. A. ; eĉ instruistoj de Esperanto ofte estas kontraŭ nia Asocio. Al ili oni devas doni la necesajn informojn.

S-ro *Mahn* deziras, ke la kotizajo de aprobantoj ne superu 25 sd.

S-ro *Hodler* rimarkas, ke la kotizajo de aprobantoj ne devas malsuperi tiun de la membroj. Oni nepre ne iru pli malalten ol 50 sd.

La kunveno decidas, ke la kotizajo de aprobantoj restu kiel nun 1 Sm. (5 neoj).

S-ro *Mudie* proponas, ke la kotizajo de la membroj restu kiel ĝi nun estas.

D-ro *Kandt* opinias, ke ekzistas multe da homoj, kiuj volonte pagus pli ol la laŭstatutan kotizajon por plibonigi la

financojn. Li rakontas ekzemplon pri eldonado de gvidlibro per kiu U. E. A. povus gajni, ĉar oni facile povas kolekti anoncojn. Ni ankaŭ devos varbi Esperantiajn Asociojn; tio estos alia vojo por gajni monon.

S-ro *Stromboli* rakontas pri la Itala Turing-Klubo, kies metodoj estas tre imitindaj.

S-ro *Rousseau* diras, ke la ideoj de S-ro Stromboli estas tre bonaj, sed oni lasu la nunan kotizajon, kaj nur ebligu, ke bonvolaj personoj povos pagi pli multe, ekz. 2 aŭ 3 Sm.

S-ro *Privat* proponas 1e aprobi la ideon de S-ro Stromboli, ke oni kreu kategorion de membroj, je speciala kotizaĵo, kun senpaga gazeto; 2e, starigi rondirantajn listojn por akiri aprobantojn po 25 sd., laŭ propono de S-ro Mahn.

Post diversaj rimarkoj de S-roj *Lewis*, *Rudnicki*, *Stromboli*, *Hodler*, la deziresprimo de la financa fako, kun modifoj kaj aldono Privat, estas akceptata. La propono pri rondirantaj listoj (Mahn-Privat) estas malakceptata.

∴ S-ro *Chavet*, anstataŭanto de S-ro Chrétien, donas la necesajn klarigojn pri la intencoj de la proponinto de Adresaro de la Esp -ianoj.

S-ro *Mudie* proponas, ke — pro financaj malfacilajoj — oni malakceptu la deziresprimon.

S-ro *Privat* proponas alian deziresprimon, kiu estas unuanime akceptata.

∴ S-ro *Mudie* malfermas la diskuton pri la loko de la venonta kongreso. Li proponas Krakovion.

S-ro *Rudnicki* opinias, ke la kongreso de U. E. A. facile povos fari sian laboron dum la Universala Kongreso.

D-ro *Kandt* proponas, ke se nia kongreso ne povas havi lokon en Krakovio, oni elektu Kopenhagon, de kie estis ricevita propono.

S-ro *Mudie* subtenas sian proponon pri Krakovio.

S-ro *Hodler* proponas, ke oni lasu la finan decidon al la Komitato.

Tiu propono estas unuanime akceptata.

∴ S-ro *Stromboli* klarigas kelkajn punktojn de sia raporto pri turisma fako, precipe pri listo de rekomendindaj hoteloj, laŭ la maniero de la Turing-Kluboj.

S-ro *Rousseau* atentigas pri la gvidfolioj, kiuj entenas ĉion por la vojaĝanto necesan. Nia Asocio ne havas sufiĉan forton por konkurenci iun ajn pli gravan societon. Ofte la hoteloj ne volas doni siajn prezojn. La Del. sendu la trapasantajn membrojn al varbota hotelo; per faktoj ni plej facile varbas.

D-ro *Kandt* parolas pri aranĝo de speciala servo de U. E. A. por la kongresanoj ĉe la oka.

Post rimarkoj de S-roj *Rudnicki*, *Van der Biest*, *Mudie*, la tuta afero estas resendata al la kreota turisma fako.

D-ro *Kandt* donas informojn pri la angla kaj germana asocioj por libertempa restado (I. L. A.) kaj proponas la fondon de simila Esperantia fako.

La deziresprimo rilata al tiu propono estas unuanime akceptata.

La kunveno estas fermata je 5 h. 30.

## Tria labora kunveno

29 Aŭgusto; 9 h. 1/2 matene

S-ro *Schmid* legas la protokolon de la antaŭa kunveno; ĝi estas unuanime akceptata.

∴ S-ro *Vogler* klarigas kelkajn punktojn de sia raporto pri Komerca Fako.

S-ro *Mudie* konstatas, ke la komerca vidpunkto de U. E. A. estas plej grava, kaj li tre deziras, ke la proponoj de la raportanto estu akceptataj.

S-ro *Rousseau* diras, ke komisiono por komerco jam ekzistas kaj pro tio ne estas necese fondi novan. Cetere li tre konsentas pri la fondo de komerca fako; 100 membroj facile estas haveblaj, ĉar jam ĉiuj Entreprenoj estus membroj de tiu fako. Li tute aprobas, ke la fako havu propran nomon, ke la morala administrado troviĝu en iu ajn loko. Sed malbone estus, se la materia administrado ne estus en Genevo.

S-ro *Stromboli* deziras, ke la tagordo estu laŭ lia propono. Ni volas havi tre seriozan entreprenon; li do postulas apartan komisionon, kiu povus funde trastudi la aferon, ankaŭ laŭ financa vidpunkto.

D-ro *Kandt* diras, ke komence ni restu en Ĝenevo, ĉar ĝi ja ankaŭ estas grava komercurbo, kaj tiel ni evitas pluajn kostojn.

S-ro *Fleck* opinias, ke se en nia nuna komisiono ne estas sufiĉe da gravaj personoj, ni povos aldoni tiajn.

S-ro *Lewis* opinias, ke ni ne havas la necesajn monrimedojn por fondi novan oficejon en alia urbo ol Ĝenevo. Kiu postulas respondon al komercaj demandoj, pagu specialan sumon por tia pure komerca informo.

S-ro *Rousseau* ne konsentas, ke laŭ la propono Vogler la oficejo de tiu fako estu en precipe komerca urbo; ni facile kreus ĵaluzon kaj envion pri konkurenco.

S-ro *Steier* diras, ke de la komerca fako dependas la bona estonteco de U. E. A. mem. De la komercistoj oni facile povas postuli pli grandajn monsumojn, ili pagas se ili havas profiton. Li citas la ekzemplon de la grava germana gazeto « L'Eĥo », kiu sentis, ke ĝi per la germana lingvo nenion povos atingi eksterlande kaj tial fondis Esp. fakon. La loko de la sidejo estas indiferenta, se la asocio nur bone funkciadas.

La deziresprimo modifita estas akceptata. Ankaŭ akceptata estas deziresprimo de D-ro Kandt pri fondo de komerca sekcio.

Propono de S-ro Génermont, rilatanta al tiu fako, estas resendata por trastudado al la kreota komerca fako.

∴ S-ro *Parrish* raportas pri siaj paroladoj kaj la utilaj servoj de U. E. A. Li legas leteron de la Komerca Ĉambro en Los Angeles, kiu estas tre kontenta pri la servoj de U. E. A.

S-ro *Rousseau* prezentas ekzemplon pri lumbildaj paroladoj pri kiu la Iniciata Sindikato en Dijon aliĝis al U. E. A. kaj eĉ donis 12 Sm. por eldonota gvidfolio.

La deziresprimo de raporto 15-a estas unuanime akceptata.

∴ Same pri raporto 12-a (junuloj), post klarigoj de *S-roj Hodler* kaj *Fleck*.

∴ Pri raporto 13.a (Laboristoj), *S-ro Hodler* memorigas, ke la unua kongreso esprimis la deziron, ke kreiĝu apartaj konsuloj por laboristoj. Tiu deziro estas parte realigita. Bona estus speciala Bulteno.

S-ro *Fleck* vidas ian danĝeron en tiu propono pro politikaj kaŭzoj; nia Asocio devas resti neŭtrala.

S-ro *Souchay* provas nuligi tiun timon, ĉar temas ne pri politika, sed pri internacia entrepreno.

La deziresprimo estas unuanime akceptata.

∴ La deziresprimo de raporto 14-a (Laboristaj gvidfolioj), defendate de *S-ro Genermont*, estas unuanime aprobata.

∴ S-ro *Genermont* rekomendas siajn proponojn pri aviada medalo.

*F-ino Blake* deziras ke la Del. havu specialan sidlokon en la aerodromoj dum la mitingoj por ke ili povu interrilati kun la aviadistoj kaj bone raporti.

S-ro *Mudie* opinias, ke ne estas necese, ke la minimuma sumo por medalo estu 200 Sm.; la valoro de l'donaco ne estas ĉefa afero.

S-ro *Rousseau* rakontas, ke li kiel Del. de U. E. A. facile ricevis sidlokon en aerodromo dum la aviadmitingo Parizo-Romo.

La deziresprimo estas aprobata kun kelkaj ŝanĝoj.

S-ro *Hodler* detale raportas pri la interŝanĝa fako kaj insiste rekomendas ĝin al la atento de la membroj.

*D-ro Kandt* opinias, ke tiu fako estas preskaŭ same grava kiel la komerca; ĝi helpos al nia Asocio per varbado de novaj membroj kaj per mono. Ĝi devas ankaŭ esti memstara fako, kiu baldaŭ havos sian specialan gazeton. Li rekomendas ne aliĝi al aliaj societoj, sed nur al Esperantiaj.

∴ S-ro *Schmid* donas la necesajn detalojn pri « La Ponto » kaj rekomendas la oficialan subtenon de tiu tre grava internacia organizaĵo, precipe pro tio, ke la afero estas samtempe eminenta Esperantia entrepreno.

La deziresprimo estas aplaŭde aprobata.

La kunveno estas finita je 12 horoj.

## Kvara labora Kunveno

29 Aŭgusto; 3 horoj posttagmeze

Prezidas: S-ro Mudie, prezidanto.

S-ro *Schmid* legas la protokolon de la antaŭa kunveno; ĝi estas unuanime aprobata.

∴ S-ro *Mudie* anoncas, ke la ĉefurbestro de Londono, S-ro Vezey Strong, kaj la ĉefministro de Nov-Zelando akceptas esti honoraj membroj de U. E. A. (aplaŭdo).

∴ Deziresprimo de *S-ro Lhermitte*, prezenta'a de S-ro Rousseau pri petskribo por ke la doganaj inspektoj okazu en la vagonaroj mem, estas akceptata.

∴ S-ro *Hodler* raportas pri la distriktaj afiŝoj kaj rekomendas ilian disvastiĝon. Deziresprimo laŭ tiu senco estas akceptata.

∴ Diversaj deziresprimoj de *S-roj Pothast, Mudie, Mahn*, estas aprobataj.

∴ S-ro *Rudnicki* proponas, ke la distriktaj Del. anstataŭu la Centran Oficejon por ricevo de kotizaĵoj, dissendo de jarlibroj, ktp. Post respondo de *S-ro Hodler*, tiu propono estas malakceptata.

∴ S-ro *Stomboli* prezentas proponon, pri tio ke 1-e oni elektu rajtigitajn reprezentantojn por la kongresoj de U. E. A; 2-e laŭeble diskonigu per *Esperanto* la temojn de la kongreso tri monatojn antaŭe.

La unua parto estas kontraŭbatalata de *S-ro Hodler*, kiu klarigas la unuan mekanismon de U. E. A., pli justan, pli demokratan kaj pli praktikan, ol alpreno de decidoj en neinformita kongreso, sub la influo de tia aŭ alia parolo.

La unua parto de la deziresprimo estas malakceptata; la dua estas akceptata.

S-ro *Mudie* resumas la laborojn de la kongreso, dankas la ĉeestantojn pro la diligenta laboro kaj adiaŭas la kongresanojn.

Post triobla aklamo, la dua kongreso de U. E. A. estas finita.

Laŭ la *Oficiala Protokolo*:

Subskribis: H. Bolingbroke Mudie, prezidanto.

J. Schmid, protokolisto.

# DEZIRESPRIMOJ DE LA 2ᴬ KONGRESO DE U. E. A.

### Raporto 1-a

La dua Kongreso de U. E. A. aprobas la raporton de la Direktoro pri la lastjara agado de la Asocio.

### Raporto 2-a

La dua Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de la Financa Fakestro, aprobas ĝin kaj esprimas la deziron:

1. Ke estu akceptata la buĝeto por 1911-12.
2. Ke estu starigata laŭvola jara kotizaĵo da 2 Sm. por personoj dezirantaj subteni la centran kason de U. E. A. (Tiu kotizaĵo entenas la ordinaran membran kotizaĵon).
3. Ke la Komitato faru aranĝon kun *Esperanto* por krei kategorion de abonantaj anoj.
4. Ke oni faciligu la aliĝadon de aprobantoj, en la maniero proponita de S-ro Mahn kaj priskribita en la Kongresa protokolo.

### Raporto 3-a

La dua Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Fleck, aprobas ĝin kaj rekomendas ĝian efektivigon al la Centra Oficejo de U. E. A. Ĝi petas la Delegitojn, ke ili rezervu siajn servojn nur al la Esperantianoj ilin petantaj konforme al la regularoj.

### Raporto 4-a

La dua Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton pri Esperantia faka organizo, aprobas ĝin kaj esprimas la deziron, ke kreiĝu interne de U. E. A. laŭvolaj fakaj organizaĵoj, laŭ la plano kaj la organizo priskribitaj de la dirita raporto.

### Raportoj 5-a, 6-a, 7-a kaj 8-a

La dua Kongreso de U. E. A., studinte la raportojn de S-ro Vogler (5-a), Stromboli (6-a), Kandt (7-a), Blackham (8-a) kaj proponojn de S-ro Génermont, pri la organizo de komerca fako, donas al la komerca komisiono la taskon ellabori la projekton de regularo por ĉi tiu fako kaj submeti ĝin al la voĉdonado de la membroj aliĝantaj al la komerca fako.

### Raporto 9-a

La dua Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de la reprezentantoj de U. E. A. en Lisbono, esprimas la deziron: ke 1-e estu fondata nova fako titolata *Sporta Fako* kaj ricevonta kondukadon similan al tiu de la aliaj fakoj, 2-e la ĉefa celo de tiu fako estu la aplikado kaj disvastigo de la servoj koncernantaj la fizikan edukadon.

### Raporto 10-a

Resendita al la Turisma Fako.

### Raporto 11-a

Resendita al la Virina Fako.

### Raporto 12-a

La dua Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton pri junulaj membroj, aprobas ĝin kaj esprimas la deziron, ke por faciligi la aliĝon de gejunuloj al U. E. A. estu kreata kategorio de junulaj membroj malpli ol deksepjaraj, pagontaj kotizaĵon da 20 Sd., jare, sen Jarlibro.

### Raporto 13-a

La dua Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Parker pri la tasko de la Labora Komisiono, aprobas ĝin kaj esprimas la deziron, ke estu fondata kiel eble plej baldaŭ speciala Bulteno por Laboristoj.

### Raporto 14-a

La dua Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Génermont pri eldono de laboristaj gvidfolioj, esprimas la deziron, ke en la plej multnombraj urboj, precipe en la laboristaj kaj industriaj lokoj, la delegito, helpata de la laborkonsulo, klopodu por eldonigi laboristan gvidfolion.

### Raporto 15-a

La dua Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Parrish, rekomendas al la Delegitoj de U. E. A., ĉi tiun entreprenon kaj instigas ilin organizi similajn paroladojn en sia regiono.

**Raporto 16-a**

La dua Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro J. Schmid pri la « Ponto », aprobas ĝin kaj esprimas la deziron ke :

1-e U. E. A. konsentu kaj deklaru la utilon kaj neceson de tia organizaĵo por la plisimpligo, plifaciligo kaj plibonigo de ĉiu intelekta laboro ;

2-e U. E. A. aliĝu al la « Ponto » kiel membro *sen kotizaĵo*, t. e. libervola kunlaboranto.

**Raporto 17-a**

Ĉar ni ne povas nuntempe eldoni adresaron de Esperantianoj klasifikitaj laŭ profesioj kaj okupoj, pro financa malhelpo, la dua kongreso de U. E. A. rekomendas al la Delegitoj, ke ili bone notu la profesion aŭ fakan intereson de la Esperantianoj por ebligi la Centran Oficejon de U.E.A. fari utilajn statistikojn, komunikeblajn al speciale petontaj kaj speciale pagontaj personoj.

**Raporto 18-a**

La dua Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Génermont pri Aviada Komisiono, ĝin aprobas kaj esprimas la deziron ke :

1e Kiel eble plej multe da esperantianoj partoprenu la mono feradon malfermatan por donaci memoraĵon al esperantia aviadisto plenuminta difinitajn kondiĉojn kaj ke ĉiu delegito klopodu por kolekti la monsumojn oferatajn de la membroj de sia regiono :

2e La dirita komisiono definitive akceptigu la prilaboritan regularon, ĝin sendu al la gazetaro kaj ĝin konigu al interesataj aviadistoj.

3e La Centra Oficejo de U. E. A. sendu informon al la estraro de la aerodromoj por peti, ke oficiala loko estu metata je la dispono de Esperantia reprezentanto.

## Diversaj deziresprimoj

La dua Kongreso de U. E. A., aŭdinte la proponon pri :
1e starigo de Internacia Libertempa Asocio, fako de U. E. A.;
2e starigo de oficejo en la urbo de la proksima kongreso ĉirkaŭ unu monato antaŭ la kongreso, akceptas ĝin.

⁂

La dua Kongreso de U. E. A., opiniante, ke estas tre maloportune por vojaĝantoj eliri el siaj vagonoj ĉe la limostacioj, por kontroligi siajn manpakaĵojn de la doganistoj :

1e Esprimas respektplene la deziron, ke la diversaj ŝtataj doganoj plejeble ofte ordonu, ke tiu vizito okazu en la vagonoj mem ;

2e Petas la komitaton subskribigi de la komercaj ĉambroj, komercistaj societoj, k. t. p., petskribon pri tio, kaj ĝin oficiale prezenti al la kompetentaj aŭtoritatoj.

⁂

La dua Kongreso de U. E. A. rekomendas al la Distriktaj Delegitoj la presigon de specialaj distriktaj afiŝoj, laŭ la oficiala modelo. Ĝi rekomendas al la Delegitoj kaj komercaj konsuloj de nun komenci la kolektadon de anoncoj por la Oficiala Jarlibro de 1912 kaj varbadon de novaj Esperantiaj Entreprenoj.

⁂

Ĉar okazas, ke Delegitoj, kiuj bezonas hotelon en alia urbo, skribas rekte al iu hotelo, pro kio ofte hoteloj, neniam anoncitaj en la Esperantaj ĵurnaloj, havas profiton, la dua Kongreso de U. E. A. esprimas la deziron, ke la membroj ĉiam uzu la servojn de la Delegito en la urbo, kie ili bezonas hotelon.

⁂

La dua Kongreso de U. E, A. esprimas la deziron, ke oni laŭeble diskonigu per la gazeto *Esperanto* la temojn de la Kongreso tri monatojn antaŭe.

⁂

La dua Kongreso de U. E, A. rekomendas al siaj membroj la uzon de la servoj de la Ĉekbanko Esperantista (Esperantia Entrepreno).

⁂

La dua Kongreso de U. E. A. esprimas la deziron, ke la Delegitoj diskonigu la celoj de U. E. A. inter ĉiuj societoj de siaj lokoj, kies celo kaj taskoj havas ian internacian tuthomaran karakteron.

⁂

La dua Kongreso de U. E. A. komisias al la Komitato la taskon fiksi la lokon de la venonta Kongreso.

# DUA KATOLIKA ESPERANTISTA KONGRESO

En la bela urbo Hago kunvenis antaŭ la Sepa, *tricent* katolikaj Esperantistoj el 16 diversaj nacioj, por diskuti pri religiaj demandoj, kiuj interesas la tutan katolikan mondon.

Esperanto estis la sola oficiala lingvo de la Kongreso, kaj denove montriĝis, kiel mirinde facile diverslandanoj interkompreniĝas uzante nian helplingvon.

En la bela, granda preĝejo S. Jakobo okazis diservoj por la kongresanoj, kun predikoj de S-ro Abato Richardson, la amata prezidanto de la kongreso, — kaj de S-ro Abato Parker, el Irlando.

En la laborkunsidoj oni pritraktis laŭvice la defendon de la Eklezio kontraŭ maljustaj atakoj, la protektadon de junulinoj, la reunuigon de la kristanaro, kaj pacifismon.

Mgr. Giesswein, membro de la hungara parlamento, invitis la katolikajn Esperantistojn en sian urbon Buda-Pest, por la tria kongreso.

Inter la laborkunsidoj estis tre agrable intermiksataj ĉarmaj ekskursoj en la ĉirkaŭaĵo de Hago ; veturado kaj komuna manĝo en la arbaro de Scheveningen ; ŝipveturado, speciale interesa, al la strange poezia insulo de Marken ; vizito al la vasta haveno de Rotterdam. Kaj tie mi devas rimarkigi, ke ne nur tre agrablaj, sed ankaŭ tre utilaj estas tiaj ekskursoj kaj komunaj manĝoj, dum kiuj oni facile interkonatiĝas kaj libere interŝanĝas opiniojn kaj spertaĵojn pri la komuninteresaj demandoj.

Sume ĉio estis bonege organizita, kaj ĉiuj kongresanoj ĝuis la plaĉan elmontron de la bone konata holanda gastameco. Frata sento kaj ĝoja unueco ne ĉesis regadi inter la samideanaro, kaj ĉiuj konservos tre agrablan memoron pri tiu sukcesplena, dua katolika kongreso (1). A. M.

(1) Pro manko de loko kaj informoj, ni ne povas nun pli detale raporti tiun kongreson ; ni reparolos pri ĝi malpli resume post la apero de la katolikaj organoj, kie troviĝos la protokoloj.

# REKLAMO

**KORESPONDADO**

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

DRESDEN (Germanujo). — S-ro Max Taeschner (nova adreso) Tzschimmerstr, 3, PM.

LUBLIN (Rusujo, Polujo). — S-ro V. Tihomirov, kuracisto, ulica Nawiestnikovska, 36, PI.

PARIS (XIX). — S-ro Perrin, 105, rue de Meaux ; PI., L. (kun gesamid. en hispanlingvaj landoj).

SAINTE-SAVINE (Francujo, Aube). — S-ro Emile Lequin, 31, rue E. Ratat ; PI.

KRAKOW (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Antonio Grabski, Stolarska, 6, PI.

SOFIO (Bulgarujo). — S-ro Marin Hrister, Centra Apeteko de S-ro Gener ; PI. b. fl. (kun ĉiulandaj farmaciistoj).

SAINT-PETERBURGO. — S-ro P. Schütz, Morskaja, 18, loĝ. 12 ; PI.

ĈERNA HORA (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Frant Bušina ; PI. (kun fraŭlinoj).

KALUGA (Rusujo). — S-ro N. Novedereĝkin, d. Ĉerkasova, Nikolokazinskaja ul. PI.

ĈERNA HORA (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Josef Kopka, tapetisto ; PI. (kun ĉiulandoj).

PETERBURG (Rusujo). — S-ro V. Grigoriev, Krestjanskij Bank Admiraltejskaja, 14 ; PI.

ECUVILLENS (Svisujo, Fribourg). — S-ro Joz. Vannier ; PI. bfl.

LYSS (Svisujo). — S-ro Ernst Scheurer, instruisto, PI., PM. (precipe kun eksterEŭropo).

ANTOFAGASTA (Ĉilujo). — S-ro Jacinto Fonolla Casilla 516 ; PI. (kun samid. ĉiuland. Samurbaj vidaĵoj petataj).

AMSTERDAM. — S-ro N. W. Pel, v. Oldenbarneveldtstr. 40 ; PI.

COLMAR (Germanujo, Alsace). — S-ro Emile Zimmermann, 18, rue de l'Est ; PI. bfl.

CHERBOURG (Francujo, Manche). — S-ro Bernardon, 5me d'infanterie coloniale (section Hors-Rang) ; L., PM., PI. (bfl.).

BRUSELO (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, Poste Restante, R. Méridien ; PI. bfl.

PIATIHORI (Rusujo, Kievo gub.). S-ro Feliks Kovalskij ; L. PM. ; PI., bfl.

TULLE (Corrèze). — S-ro A. Mazières, rue Anne Vialle. PI., L. (kun francaj geinstruistoj).

BERLIN. — S-ro A. Poklmann, Behrenstr. 43/44, PI.

'S-GRAVENHAGE (Nederlando). — S-ro N. Bunschoten, Koningstraat, 279, PI.

DOBOJ (Aŭstrio, Bosnio). — S-ro Duro Vojkoviĉ, Apotekisto ; PI., L. (ĉiuland. krom Aŭstr. kaj germ.).

CERVENY KOSTELEC (Bohemujo). — S-ro Joĵa Šupich, studento, 31 Namesti ; PM., PK.

CUYABA (Brésil, Matto Grosso). — S-ro Lindolpho P. Guyabano.

ROSARIO OESTE (Brésil, Matto Grosso). — S-ro M. P. Cuyabano.

CZERNOWITZ (Aŭstrio, Bukovina). — S-ro Fred Koranda, Herrengasse 18 ; PI.

ROCKFORD (Usono, Illinios). — S-roj Herman Hallstrœm, 1.201-4 th. Ave ; Flenning Ekstrœm, 1.403-8 th. Ave ; Kart Johnson, 424, So. 4 th. St. ; Oscar Johnson, 1.221-3 rd. Ave ; Gust Boman, 1.319-4 th. Ave ; Arthur Berg, 1.408-8 th. St. ; Oscar Larson, 1.403-8 th. Ave ; PI.

ESSEN (Germanujo, Rhur). — S-ro F. Pillath, Ad. Fried. Krupp A. G. (Del. U. E. A.), L. (filozofio) kaj PI.

HANNOVER-LINDEN (Germanujo). — S-ro Al. Schimek Riklingerstr. 65 ; PI. (nur kun eksterlandanoj).

KIOTO (Japanujo). — D-ro Sukchisa Jamasaki, ĉe Imperia Universitato, sendas PI. kontraŭ belaj fotografaĵoj de infanoj.

SPALATO (Aŭstrio, Dalmatujo). — S-roj Carlo A. Petronio, kaj Jean Tolya senior ; PI. (kun eksterland. fraŭlinoj), PM. (kun ĉiuj gesamid.).

DUESELDORF (Germanujo). — S-ro Wisner, Elisabehstr., 95, PI., PK. (kun portugaloj, orientanoj, neeŭropanoj).

TULA (Rusujo). — S-ro N. A. Kiselev, PI., L.

ALEKSANDROVSK (Rusujo, gub. Ekaterin). — S-o Vlad. Vas. Ŝĉurov, Zemskajo Colnira ; PI. L.

GEFLE (Svedujo). — S-ro Einar Andersson, Brunnsgat 58, PI. L. (kun portretoj, kun ĉiulandanoj).

RIGA (Rusujo). — S-ro M. Buivid, Postfach 426 ; PI., L. (kun geanoj de la tuta mondo).

LIMOGES (Francujo). — S-ro Louis Denis, 3, Faubg. Croix Mandonnaud, 3 ; PI., L. (kun ĉiulandanoj) b. fl.

CHATEAU-DE-BUTRY (Francujo, par Anvers, Saône-et-Loire, Seine-et-Oise). — F-ino Suzanne Massien ; PI. (kun ĉiuj eksterland. samid.).

PARIS (Francujo). — S-ro Prime Paul, 89, Avenue d'Italie ; PI. (kun ĉiuj eksterEŭropanoj en Azio, Afriko, Ameriko, kaj Oceanio.

VYS MITO (Bohem., Aŭstrio). — Prazak Ant., tipografisto, PI, PM. L.

KEARNEY (Nebraska, Usono). — S-ro Robert J. Hill; Corner 6 th. Av. and 27 TH. St. PI. kaj L.

LA RÉOLE (Francujo, Gironde). — S-ro Pamelaire, Prof. en Terkultura Lernejo ; PI. (kun bildoj de tre grandaj aŭ eksteordinaraj arboj. Nur Eŭrop.).

ROMANS (Franc.). — Kolonel-leŭtenanto Pillon aĉetas, interŝ. kaj ĉedas PM.

WISCHAU (Aŭstrio, Moravio). — S-ro G. Nenbauer, sukerfabrikofisto ; PI., L., PM. kaj fotografaĵ, kun ĉiuland. samid., prefere ekster Eŭropo.

BOHEM-KAMNITZ (Aŭstrio). — S-ro Rudolf Horn, Ŝparkas-oficisto ; S-ro Anton Ohme, librotenisto ; S-ro Frantz Seidel, horloĝisto, Topfmarkt, 72, PI., L.

## PETOJ KAJ PROPONOJ



TRADUKARTO 28. — Bonvolu konigi vian nomon kaj adreson al : *Esperantio*, R. de la Bourse 10, Genève (Svisl.).

KUN EKSTERLANDA FRAŬLINO, kiu havas la agon de 18 ĝis 24 jaroj, déziras korespondi juna germana metiisto. Skribu al : Theodor Lœtsch, Pasamentisto, Suda Viktoriastr. 6, II, Chemnitz, Germanujo.

FIRENZO (Italujo). — F-ino Cianferoni, Lung' Arno Acciainoli 2 bis. — Familia Pensiono en ĉarma loko. Oni parolas Esperante.

ESPERANTO-OFICEJO, BRZILUJO. — Akceptas proponojn pri komerca riprezentado kaj agenta vendado : sin turni al : D-ro Toledo de Loyola, Av. Gomes Freire 108, Rio de Janeiro.

LA KONVERTIĜO DE ANGLUJO. — Ĉiu ajn Katoliko povas helpi al la konvertado de tiu-ĉi lando, kiu estas plej mirinda okazantaĵo de la nuna historio. Ĉiu povas ĝin iomete plirapidigi, kaj tiel kvazaŭ redoni tiun-ĉi belegan Imperion al la Sankta Eklezio. Precipe la Katolikaj Angloj, Irlandanoj kaj Amerikanoj havantaj parencojn en Anglujo estas petataj alsendi sian adreson al : Pastro Egbers, Elton, Bury, Anglujo, kiu klarigos al ili la situacion.

SERIOZAN RIPREZENTADON. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki tun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al : H. Fischer, 46, Westwall, Krefeld, German. (li mem pagas vojaĝkostojn).

HAPSAL (Rusujo, Estlando). — Fotografejo Gruntal dankas ĉiujn siajn korespondantojn kaj petas al li plu nenion Skribi. Al ĉiuj respondos.

SPECIALA PETEGO. — A. M. Oliva, Leŭtenanto G. Rural, *Colon*, Republica de Cuba (Antiloj), dez. interŝanĝi portreton kun ĉiuj landanoj. Li faros el ĝi respektan memoraĵon. Tuj respondos. Al armeanoj : portreton, militajn vidaĵojn aŭ poŝtkartojn.

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en *Lübeck*. Ekspedoj al Nordo. Eksport- kaj importkomisioj. Adreso : G. Klefe, Unterave 8, Lubeck, German.















*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).




**DIETO POR**

# ARTRITISMULOJ




**TRINKI ĈIUMANĜE**

# VICHY CELESTINS

**EN ĈIUJ TRINKEJOJ :**

**UNU KVARON BOTELO**

*MALSATIGA*
*Antaŭ la Manĝo*

*DIGESTIGA*
*Post le Manĝo*

Grafikaj Artoj de Publicite " ESPERANTO ", Herlemont.

---

# GODESBERG - am - RHEIN

**nomata " REJNA ESPERANTO-KOLONIO " estas**

**Libertempejo** plej agrabla por Esperantistoj, kuracloko kaj somerrestejo, tute ĉarma urbeto kie *Esperanto* estas *ne plu projekto sed fakto* (Esp. pensionoj, magazenoj, legoĉambro ; polic. kaj oficistoj ; 1910 : 100 diverslandaj fremdaj esp.). Informpetoj kun respondkupono (por germ. gvidlibro kun RESUMO en ESPERANTO 2 kuponoj), per la Del. de U. E. A.,

**S-ro Th. OSTER**

*Bonega restejo antaŭ kaj post la 7-a* KONGRESO 3/4 da h. sude de Kolonjo

**Ludo** bonega por lernigi esp. konversacion estas a kvartetludo STUDO per LUDO (100 diversaj kartoj). Prezo (afrankite antaŭpago !) $ 0.70

---

# !! GRANDA PROFITO !!

per debito (en ĉiu urbo aŭ distrikto aŭ provinco, krom en Germanujo kaj Danujo, kiuj estas tute riprezentataj) de *higiena, patentofice protektata, multe uzata kaj ĉiam reaĉetata pogranda artikolo kuraciste rekomendata kaj atestata* **Grandaj Sukcesoj en multaj lokoj** !! *Fakokonoj ne necesaj !*

Aspirantoj kun la necesaj monrimedoj por teni malgrandan provizon kontraŭ firma fakturo, bonvolu sciigi sian aĝon kaj ĝisnunan okupadon. *Tenejo ne estas bezona* tial la afero estas ankaŭ praktikebla kiel bonega ekspedada negoco aŭ brilanta, ĉiam pliiĝanta apudenspezo *de en la loĝejo !*

Sin turni al « Profito » ĉe adreso de *ESPERANTO.*

---

**REKOMENDITAĴOJ**

De S-ro René de Saussure :

**Aline**, novelrakonto, trad. el la franca lingvo Sm. 1.

**La Devo**, parolado de prof. E. Naville, afr. Sm. 0.900.

**La logika bazo de Vortfarado en Esperanto**, propono al la Akademio Esperantista, afrankite Sm. 0.120.

**La Geometrio de la Folietoj aŭ Folietara**, Sm. 1.100.

**Valso Esperanto**, de S-ino René de Saussure, Sm. 1.100.

**En Svislando**, el verkoj de svisaj aŭtoroj elektis kaj tradukis E. Ramo, afrankite, Sm. 1.350

**Per espero al despero**, dek originalaj poemoj de D-ro St Schulhof. Afranke, Sm. 0.340.

**Kion la vivo alportis**, dek originalaj poemoj de D-ro St Schulhof, afrankite, Sm. 0.280.

**La Kato**, de D-ro J. Rajberti, trad. A. Tellini, Sm. 0.200.

**Jolanto**, la filino de l'reĝo René, de H. Hertz, lirika dramo en unu akto, afrankite, Sm. 0.380.

**La Verko de Zamenhof**, parolado de H. Hodler, direktoro de U. F. A., afrankite, Sm. 0.060.

**Deveno kaj Historio de Esperanto**, Sm. 0.300.

**ESPERANTISTA KANTARO**

Kolekto de 17 originalaj aŭ tradukitaj kantoj. Vortoj kun muziko por 4 voĉoj. Konataj kaj ŝatataj melodioj. Afrankite, 0.440 Sm.

*Nova Esperantista Biblioteko*

N-o 1 **Ama Bileto**, komedio unuakta de M. Balucki, Sm. 0.200.
N-o 2 **A... B... C...**, noveleto de E. Orzeszko, Sm. 0.200.
N-o 3 **Unuaj agordoj...**, poezioj de Wiktor Elski kaj Eska ordinara eldono, Sm. 0 200 ; luksa eldono, Sm. 0.300 ; lukse bindita, Sm. 0.600.

*Aldoni 10 %* por afranko !

**Ostlorn**, vilaĝaj skizoj de S. Ulfers, broŝurita Sm. 1.65 ; lukse bindita, Sm. 2.05 ; aldoni por afranke, Sm. 0.25.

**Viva kaj malviva**, de M.-J. Goldŝtejn, interesa biologia studo, afrankite, Sm. 0.400.

Ni abonigas al ĉiu esperanta gazeto kaj liveras esp. verkojn je originalaj prezoj. Oni povas mendi laŭ iu ajn katalogo.

**Insignoj kaj esperantaj ornamajoj laŭ granda elekto**
**Petu la kolore ilustritan kataiogon**

UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO
Genève, Svisl., 10, Rue de la Bourse

---

**Kontraŭ**

**Reŭmatismoj, Iskiatiko, Lumbago, k. a.**

*la negrasaĵa balzamo*

# " ASARCOS "

**estas la plej efika kaj la plej pura el ĉiuj eksteraj kuraciloj.**

Sendo kontraŭ poŝtmandato da :
por Francujo : frankoj 2 » (Sm o.8o)
por Fremdlandoj : » 2.25 (Sm o.9o)

Skribu al S.ro J. BOUGE, farmaciisto, GRASSE (Francujo).

---

# HOTELO

## LOUIS-LE-GRAND

**2, rue Louis-le-Grand, PARIS**

En belega loko, inter la rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.